XXIV-a jaro. N° 332 [4] • Monata • Aprilo 1928

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Fondinto : H. HODLER. Redakcio : D-ro Edmond PRIVAT, Prezidanto & Hans JAKOB, Direktoro de UEA.
ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO : 12, Boulevard du Théâtre, Genève.

REDAKCIO : *La Redakcio ne povas resendi manuskriptojn.*

*Lasta dato por ricevo : 1-a de ĉiu monato por la sekvanta monato.*

*Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*

*La abonoj komenciĝas en Januaro.*

ABONO & REKLAMO

| | |
|---|---|
| **Simpla abono** | 10.— Fr. Sv. |
| **Kun la membreco de UEA** | 12.50 Fr. Sv. |
| **Unu numero** | 1.— Fr. Sv. |
| **Anonco** (unu centimetra kolonero) | 2.50 Fr. Sv. |
| **Anonceto** (1 linio : 10 vortoj). | 0.75 Fr. Sv. |
| **Korespondado** (1 enskribo) | 1.— Fr. Sv. |


ENHAVO



## 20-jara UEA ĉe XX-a Kongreso

Nia dudeka kongreso en Antverpeno festos la dudekjarecon de UEA, fondita en printempo 1908. Kion celis Hector Hodler, ĝia fondinto, kaj Th. Rousseau, lia fidela konsilanto ? Ili volis forigi de la esperantistoj tiun ideon, ke la lingvo estas « provizora » kaj ke la movado estas nura « propono ».

Grava krizo estis ĵus minacinta en 1907 la ekziston mem de la afero. Ekstera Komitato imagis, ke ĝi povas tuŝi Esperanton kvazaŭ ludilon, kaj pluraj samideanoj, antaŭe tre konservemaj, subite simpatiis kun tia aventuro.

Aliaj reagis per akraj polemikoj. Hodler intervenis montrante novan vojon : Lasu diskutojn, lasu teorion ; esperanto estas lingvo, ne propono ; uzu ĝin, utiligu ĝin, helpu ke ĝi vivu per servado kaj serioza praktikado. Tiam la leĝoj mem de l'uzado kaj vivado alportos al ĝi la necesan pliriĉigadon kaj ĉiutagan progresigon tute nature kaj senrompe, kiel D-ro Zamenhof ĝin antaŭvidis, kiel okazas al ĉiuj ceteraj lingvoj. Ĉar la bazo estas simpla, regula kaj klara, vi ne bezonas timi, ke la uzado ĝin malsimpligos. Ĝi nur kuros sur la reloj.

Tiel fondiĝis UEA por savi esperantismon el el « Komitataj decidoj » kaj reformistaj aventuroj. Pro tio ĝi enhavis en sia statuto la jenan artikolon : *La Oficiala Lingvo de UEA estas la Zamenhofa Lingvo Esperanto, tia kia ĝi estas difinita per sia literature kaj teknika verkaro.*

Per tiu artikolo la statuto donis la aŭtoritaton al la uzo anstataŭ al iuj komitatoj, registaroj aŭ teoriuloj.

Ne nur la lingvan daŭrecon ili volis certigi, sed ankaŭ ebligi la tujan socian utilon. El la nuboj ili ankaŭ venigis surteren la « internan ideon » kaj organizis la esperantistojn por reciproka helpado kaj servado de unuj al aliaj pere de la sindonaj delegitoj de UEA.

Bone kaj bele revi pri la paco inter nacioj, ili diris, sed eĉ pli bone kaj pli bele ĝin tuj praktiki en via vivo per utilaj reciprokaj servoj trans la landlimoj. Tial la statuto indikis en art. 1. la jenan celon de UEA :

*Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto ;*

*Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo ;*

*Krei internaciajn servojn uzeblajn de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limoj de ilia genta aŭ lingva teritorio ;*

*Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj.*

Jen la duobla celo de UEA, kies jarlibro fariĝis la nepra akompanilo de la ŝlosilo 16-regula. Sur ĝi baziĝis fortika esperanto-movado kaj prave D-ro Zamenhof diris ke UEA estas la plej grava institucio en nia neŭtrala movado. Al la iniciato de Hodler ni dankas tiun solidan bazon. Estas ĝojige konstati — post la ekonomia krizo lastjara — ke la aliĝoj nun remultiĝis konsiderinde. Daŭrigu !

**Edmond Privat.**

# LITERATURO

## Tamen perdota

Originalo de *Edmond Privat.*

Odoras akre brulo pina. La vento blovas ian fumon. Jam kaŝas sunon kruda monto en okcidento. Malsupre, tre malsupre, la maro lekas rokon, mordas, saŭmas, frapas en granda pafo, rezignas, eksilentas kaj revenas kun nova bato kaj ŝprucado.

La longaj kruroj de l'dronanta montaro etendiĝas al Oriento kaj malaperas en la maron. Genuoj rokaj, ĝibaj dorsoj elakviĝas inter ondoj. Dormantaj krokodiloj. Gigantaj monstroj.

El bordo alpaŝas la ombro vespera, ekkovras ĉiam pli da maro, atakas tiun vastan bluon de la brilanta senfinaĵo.

Trans montaro sude, la suno radias ankoraŭ sur unu golfon en hela lumo. Pejzaĝo en kadro. Miniaturo kolora. Velboatoj rapidas. Fiŝkaptistoj venas hejmen. El malproksimo vaporŝipo eta, pli granda, jam observebla, rektlinie celas al haveno.

La monta flanko estas ruĝa, nuda, ŝtonara; sur la deklivo : pikaj arbetoj ie kaj alie, ne pli altaj ol herbaĉo. Elstaras ruinaĵo. Ronda muro. Kvarona turo kun vundo larĝe trua. Haltas la vojeto.

Abismo danĝeras tie. Malsupre en profundo trankvilas dezerta golfeto, ne atingebla el tero. Angulo sabla. Vera kaŝejo kun muregoj altaj kiel katedraloj.

Kion ? Jes. Boateto sidas flanke sur la sablo. Sajnas korbeto de tiom alte. Neeble distingi la nomon. Blue pentrita kiel « Manjo ». Apude kuŝas vestoj kaj sur ĝi ankaŭ. Malprudentuloj Kiu banas en maro vespere, post subiro de la suno ?

Neniu videbla. Neniun kapon sur la akvo. Neniu naĝas. Certe banis du homoj. Eble dronis. Kiu scias ?

Sur la sablo kuŝas unu ĉapelo de viro, sur la ŝipo robo nigra La filino portas tian. Cetere ankaŭ aliaj knabinoj. Sed Helenjo... Ĉu eble ? Neniu aperas. Nokto jam venas rapide. Kun la unua stelo en ĉielon, ekfajras timo en la koron.

Malkvieta patro ektremas. Ĉu filino, ĉu ne, la afero estas teruriga. Malfeliĉo tre verŝajnas. Pasis jam longa tempo. Atendi estas vane. Salti malsupren neeble. Ĉu rapidi al vilaĝo kaj remi tien ? Urĝegas. Sed unu horo necesos. Estas neproksime. Jam la patro kuras, flugas, saltas trans ŝtonoj kaj arbetoj, rulas, deglitas. Kiel nigra hundo post ŝafaro, konvinko lin puŝas, antaŭsento lin mordas.

Jen la granda strato. Spiru. Kampara veturilo pasas. Hop ! Tintas sonoriletoj de l'ĉevalo. Haltu ! « Estu tiel bona ! Akcidento okazis... jes, al vilaĝo rapidege ! »

Fajfas vipo, krakas radoj, batas hufoj en akcelo freneza. Kiaj serpentumoj de la strato, Dio mia ! Neniam alvenos.

Tamen fine la vilaĝo. Brilas unuaj lumoj de la domoj kaj supre jam la steloj en ĉielo pala. « Ĉu al haveno ? — Jes. » Sur la bordo kuŝas dek boatoj kamarade. Kie estas « Manjo ». Ĉu mankas ? Jes, mankas efektive. Prenu « Sagon ». Ne graves kies. Unue preni, poste peti permeson. Urĝas. Ondoj estas fortaj, sed la vetero bona. Ĝusta vento blovas.

« Knaboj, gvidu la ĉevalon hejmen, alkrias la viro de l'veturilo al junaj alkurintoj scivolemaj. Avertu la edzinon kaj la Jankon de l'boato. »

Masteto staras, velo ŝvelas bategante kiel flugilo de granda cigno kolera. Tenu la gvidilon forte ! Jen la ŝipo kuras rekte al pinto suda. Turni tie. Veturi al golfeto. Dek minutoj eble sufiĉos.

Malfeliĉa patro pripensas en teruro. Edzino mortis amate, neanstataŭite. Restas infano. Unu sola. Filino strange sendependa, sed amema, sindona, karega. Ĉio, kion li havas. Ĉu pereis ? La vivo estas kruela. Ami, krei, perdi, suferi.

Fajfas la norda vento. Knaras ŝnuroj de la velo. Krakas masto. Ŝprucas ŝaŭmo al vizaĝo. La grandaj ondoj dispeciĝas sur la rokoj ruĝaj kaj mil riveretoj blankaj refalas en la maron. La ŝipo kuras supren kaj malsupren en danĝera zono.

Ĉu esperi ankoraŭ ? Unu plia rokpinto. Ĉirkaŭiro malfacila. Malligu la velon. Jen. Turnu. Jen la golfeto. Duonluno leviĝas en horizonto. Sub blanka lumo brilas la blua « Manjo ». Kion ? en ĝi staras Helenjo kun robo nigra. Dio benata ! Filino saviĝis.

Trankvile ŝi tordas bankostumon por sekiĝi ĝin. Kiu venas ? Paĉjo ! Stranga surprizo. « Kiel vi divenis ? »

La patro silentas en ĝojo. Pala, ŝvita kaj muta. « Via paĉjo jam kredis vin droninta, ekkrias la viro albordiĝante. Venu en nian ŝelon kaj ni ligos « Manjon » kiel voston. La vetero decas, sed la vento pikas kaj ondoj tikletas. Necesos iom zigzagi por atingi hejmen kontraŭblove. »

« Helenjo, infano, » flustras la patro kun kiso tremanta. Li volus aldoni : « Kiu estis kun vi ? Kio okazis ? » sed li malkuraĝas. Ĉiuokaze neniu restis sur la sablo kaj la ĝoja knabino ne ŝajnas kvazaŭ ŝi dronigis iun. Tamen la ĉapelo vira malaperis. Do nepre venis alia boato. Facile nun estas supozi la jenon : dum li rigardis de supre, ambaŭ naĝantoj kredeble remis for sur l'alia ŝipo. Intertempe dum li kuris, ili revenis al la sablo kaj la junulo forveturis unua.

Helenjo sidas penseme sur la ŝipo reirante al haveno. Bruna hararo malseka kaj brunaj okuloj revemaj brilas sub arĝenta lumo. En maron ĵetas la luno serpentaĵon de diamanta brilo. Ondoj batas la ŝelon per regulaj trafoj.

Saŭmaj rondoj forkuras ambaŭflanke kvazaŭ perditaj kronoj en nigra salakvo.

Pripensas la patro. Kiu estas la naĝkunulo ? Li ne demandos, ne rajtas demandi. Helenjo kutimas diri ĉion malkaŝe. Ĉar pri tio ŝi silentis, certe gravas. Dolorige. Ne la maro ŝin prenis, sed amo.

Ŝi rajtas. Estas dudekjara. Al knabino ne sufiĉas patro. Sopiras amon. Bezonas edzon komprenebla. Sed pro Dio ĉu la ulo decos ? Ĉu li amos vere ? Ĉu igos ŝin feliĉa ? Se ne, pli bone droni kiel hundo ol vivi en infero. Ĉiuokaze ŝin li perdos. Ami, krei, perdi, suferi.

Tiel kuras penso patra dum kuras la velŝipo.

---

# Sentenculo

de *Miquel Duran i Tortajada*

Mia avo havis tre bonan amikon : Joan Torres, kuracisto ĉe la hospitalo en Valencio, kiam ankoraŭ ne ekzistis la frenezulejo « Pro Jesuo », kiam la frenezuloj estis enloĝigataj en la hospitalon. Tiun historion al mia avo rakontis la nomita kuracisto; mia patro aŭdis ĝin de mia avo — kaj mi de mia patro. Mi provos rakonti ĝin tie ĉi.

Mi jam diris ke en tiu tempo, en la urbo Valencio, la frenezuloj estis enloĝigataj en la hospitalon. La plej pacemaj havis permeson promenadi en la eksteraj kortoj kun pordegoj malfermitaj al strato. Kelkaj kiuj ne ŝajnis frenezmalsanaj eĉ eliris kaj faris servojn por la hejmlaboro de la hospitalo.

El tiuj pacemaj frenezuloj kiuj trairadis la salonojn de la hospitalo kaj la kortojn, unu, prefere, pro siaj servemo, amuza respondado, kaj sentencecaj pensoj kaj diroj, gajnis al si bonvolon kaj konfidon de la fratinoj de la bonfarado, de la kuracisto kaj de la helpantoj. Oni nomis lin per anstataŭnomo : por ĉiuj li estis — « Sentenculo ».

Liaj manieroj kaj korpa aspekto estis normalulaj. Liaj frenezatakoj, tre oftaj en la komenco de lia enloĝado, iom post iom malplioftiĝis kaj atingis veran maloftecon kaj evidentan sendanĝerecon. Li estis la plej « saĝa » el ĉiuj frenezuloj. Liaj pensoj kaj diroj estis pli bonaj ol tiuj de multaj homoj kiujn oni opinias normalaj kaj eĉ inteligentaj. Kaj ofte li diris konsiderojn tre pravajn, kiujn ĉiuj aŭdis frenezulaj spritaj sensencaĵoj, escepte la kuracisto. La plej forta manio de « Sentenculo » estis lia volo la mondon aranĝi, kiu, li atestis dramserioze, estas tiel malsaviĝinta, ke nur vera frenezulo povas savi ĝin.

***

Iutempe mankis loĝlokoj en la frenezulejo de la hospitalo. La frenezuloj de la urbo estis pli multaj, sed la loĝejo ne estis pli granda. Fariĝis, do, necese esplori atente ĉu iuj el la enloĝigitoj estis resaniĝintaj. Certe inter ili estis « Sentenculo ».

La tagon kiam « Sentenculo » devis forlasi la frenezulejon de la hospitalo, li diris kun emocio kaj larmoj videblaj sur liaj okuloj, al ĉiuj adiaŭ, al la kuracisto, al la helpantoj, al la studentoj, al la malsanuloj, al la monaĥinoj, al la kunuloj kiujn li estis forlasonta, animoj forestontaj... Kaj ĉiuj sincere samsente lin respondadiaŭis.

Jam restis al « Sentenculo », forlasonte tiun domon por ĉiam, nur adiaŭdiri la Doktoron Joan Torres, kiun li ĉiufoje plennome respektoplene nomis. Post serĉo li trovis lin en la salono por vizitoj : granda ĉambro, marmora planko el platoj blankaj kaj platoj nigraj laŭ ordo de ŝakluda tabulo. La Doktoro paŝadis sola kun siaj pensoj laŭlonge de la salono, kaj senpriokupigis sin atentante la piedojn surmeti je mezo de platoj kaj ne piedtuŝi la liniojn inter ili.

Starante ĉe la pordo. « Sentenculo » rigardadis lin kaj ne kuraĝis eniri. Tion ekvidinte D-ro Torres invitis lin eniri etendis al li siajn brakojn, kaj oferproponis al li ĉion ajn necesan.

Respektoplene, emociigite, malfacilparole, « Sentenculo » diris adiaŭ al tiu bona kaj talenta homo atentinta kaj kuracinta lin. La salonon eliris, sed, ĉe la pordo ankoraŭ, li turnis la kapon kaj vidis ke la Doktoro reenpenŝiĝis kaj denove promenadis laŭlonge de la salono kun atento piedtuŝi la mezojn de la marmoraj platoj : « Sentenculo » reeniris kaj alpaŝis la Doktoron. Kiam li alvenis lin, frapetis lian ŝultron dorse per mano kaj amplene atentige diris al li :

— Doktoro Torres, kiel vi nun, komencis mi.

***

Post apenaŭ du monatoj de lia foriro revenis « Sentenculo » voke frapi la pordon de la frenezulejo. La pordisto demandis al li :

— Ĉu vi venas vidi nin aŭ viziti Doktoron Torres ?

— Ne — respondis firme « Sentenculo » : — mi venas por restadi tie ĉi.

La pordisto surpriziĝis, kaj nur kuraĝis al li demandi :

— Ĉu tie ĉi ?

— Mi ankoraŭ estas freneza ! — li respondis iom ekscitita — Mi ne estas resaniĝinta. Aŭ ne gravas ĉu mi estas sana se la amaso tion ne kredas. Kiu kiel mi, estadis tiom da jaroj enloĝita en frenezulejo, jam ne povas reesti en la mondo de la saĝuloj. La amikoj kaj konatoj miaj aliatempaj foriras min. La ago mem kiu farita de iu ajn, estas opiniata bona penso, spritaĵo aŭ geniaĵo, se farita de mi, estas frenezaĵo... Nenie mi povas proponi min por laboro.

Elveninta el frenezulejo... Kaj ankoraŭ pli terure : mia familio, miaj edzino kaj filinoj jam alkutimiĝis al mia foresto ; neniam ili venis vidi min, kvazaŭ mi estus mortinta, nun mi malutilas al ili, ili bedaŭras ke mi jam estas sana, ke mi revenis en ilian mondon kaj ili spionas min kaj apartigas min ; inter ili, mallaŭte, ili min nomas « la frenezulo »... Ĉi-tie, kontraŭe, mi estas la plej saĝa, mi estas « Sentenculo ».

Kaj.. la mondo, kiel plimalboniĝis ! de kiam mi vidis

ĝin antaŭ dudek jaroj ; post tiel longe ke mi ne povas zorgi pri ĝi !

Kaj tion dirante, lia voĉo aŭdiĝis sin ja strangaj tonoj, kaj liaj okuloj elmontris sovaĝajn brilojn.

— Kiuj rajtoj permesas — li daŭrige diris pli kaj pli ekscitiĝanta — al fratoj militi kaj mortigi fratojn ; al la malkapablaj kaj maltimemaj regi urbojn kaj naciojn ; al la « Justeco » enspezi por fari maljustaĵojn ; al la riĉuloj subpremi la malriĉulojn, kaj al la malriĉuloj voli riĉiĝi por agi simile...

« Sentenculo » alvenis plejan ekscitiĝon.

— Certe — pensadis la pordisto ne kontraŭdirante lin kaj antaŭzorgante ĉiel — tiu homo ne estas resaniĝinta, li daŭre havas siajn maniojn, li revenas pli freneza, ol li estis antaŭ sia foriro. — Kaj permesas lin eniri.

La frenezulo, kvazaŭ instinkte, alpaŝis al sia ĉelo, sed li ne povis eniri : alia enloĝigito okupis ĝin.

.....................................

Post nelonge, « Sentenculo » reestadis trankvila dum longaj periodoj, ŝajne estis resaniĝinta. De tiam li denove estis en la frenezulejo de la hospitalo, kia li antaŭe estis : la frenezulo « saĝa », la amiko de ĉiuj, la dirulo de famaj pensoj kaj diroj. Li iris tien kaj ĉi-tien tra la domo, eliris al la korto de la hospitalo por sunbanoj, kaj fumante cigaredon alvenis ĝis la pordo al la strato.

En tago kiam « Sentenculo » trankvilaspektis kaj normalulŝajne estis en la korto, vidis du plugistojn kiuj deturnatente, scivoleme kaj timeme rigardis ĉien. Ili alvenis al « Sentenculo » kaj demandis :

— Pardonu, bonulo, kie estas la domo por la frenezuloj ?

« Sentenculo » atente rigardis la plugistojn, detale tutan ilian elrigardon, kaj respondis kun granda indeco en la movoj kaj senestimo en la rigardo :

— La domo de la frenezuloj. De la pordo eksteren, ĉio. De la pordo internen, la Sankta Hospitalo.

Tradukis el kataluna : *Delfi Dalmau.*
(Premiita en Floraj Ludoj.)

---

## Amerikana Sprito

*— La deveno de la homo povas esti konstatita ĝis primitiva fiŝo. Tio facile klarigas, kial por multaj homoj estas granda peno, teni la kapon super la akvo.*

*(Norfolk Virginia Pilot.)*

*— Dum tagmanĝo ĉe bankisto, tiu-ĉi legis poemon tre malbonan de li verkitan kaj nenio okazis al li. Sed kio okazus se vera poeto skribus falsan ĉekon ?...*

*(New York American.)*

*— Vi ne povas elekti viajn prapatrojn kaj tio estas tute laŭorda. Ili eble ankaŭ ne estus elektintaj vin !*

*(El Dorado Tribune.)*

*— La armistico laŭdire estis konkludita en manĝvagono. Nenia miro, ke la monda milito montriĝis tiom multekosta.*

*(San Diego Union.)*

## Ŝiriĝis kordo...

de *Julio Baghy.*

*Ŝiriĝis kord' de l' kora lir' hodiaŭ*
*La plej belsona kaj konsola tam.*
*Sur ĝi inspiro ludis, amo pia*
*Kaj jen finite : ĝi ne sonos pli jam.*

*De nun ne povos kanti mi, nur ĝemi*
*Kaj al Parnaso ne aspiros jam pli...*
*La lumo mankas, nokto regas ĉe mi,*
*Pegaz' en koto devas stumbli, ambli...*

*La kordon vi disŝiris senpardone*
*Per korkrucumo fine ĉion solvi.*
*Ah, mi ne konas pli kruelan ol vi !*

*Ĉu iam vi pripentos tion ? Ho ne,*
*Ĉar dornan vojon de rezigno sekvi*
*Ja kiu volus ! ?... Nek alia, nek vi.*

---

## Vilaĝanino

de *Raymond Schwartz.*

*En vilaĝo de montaroj,*
*For de l'bruo de l'kulturo,*
*Vivas ĝis en niaj jaroj*
*Prototip' de pranaturo.*

*Tie mi knabinon konas,*
*— Pura koro, ŝtalmuskoloj, —*
*Kies brusto ne bezonas*
*La sekreton de piloloj !*

*Kiam ŝia buŝ' — por brili —*
*Sorbas majmatenan roson,*
*Estus peke alkonsili,*
*Ke ŝi uzu dentobroson.*

*Ĉar okuloj, vangoj, buŝo*
*Estas fruktoj aŭtentikaj*
*Sen bezono de retuŝo*
*Per artaĵoj kosmetikaj ! » —..*

*Ŝi ne dancas, — ŝi ne fumas,*
*(Tio ŝajnas jam legendo !)*
*Kaj nur ete ŝi parfumas*
*Tolĉemizojn per lavendo ;*

*Ŝi ne revas pri teatro,*
*Tualeton ŝi ne faras,*
*Kaj ŝi tiel al la patro*
*Ĉiujare sumojn ŝparas.*

*Mi admiras vin, knabino,*
*Kaj glorkante mi proklamas*
*Virton de l' vilaĝanino,*
*Sed — mi urbaninon amas...*

---

 SOCIA VIVO 

# Ĉu valoras ideoj ?

Ekzistas en la nuna mondo rimarkinda konflikto inter idealismo kaj materialismo.

Unuj diras : « Por progresigi la homaron, ekzemple ĝin alproksimigi al paco kaj justeco, vi devas unue ŝanĝi la sentojn kaj ideojn de la homoj, ilin igi bonaj kaj saĝaj. Poste ili ŝanĝos de si mem siajn instituciojn en la taŭga senco. »

Aliaj respondas : « Ŝanĝi la homojn vi ne povas. Materiaj bezonoj ilin regas. Necesas antaŭ ĉio starigi la organizaĵojn sur tute alia bazo kaj tiam iliaj sentoj kaj ideoj iom post iom konformiĝos al la nova situacio. »

En ambaŭ pensmanieroj mankas io. Ĉu vi ne tuj sentas tion mem ? Prenu ekzemple la tiom aktualan demandon pri paco internacia. « Prediku al homoj amon », konsilas unu. « Forigu ekonomiajn kaŭzojn de milito », diras la alia. Kial ne fari ambaŭ ?

Certe estas ridinde prediki amon, fratecon k.t.p. kaj samtempe konservi terurajn maljustaĵojn kaj multobligi armilojn. Sed kiamaniere rejustigi kaj senarmigi sen konvinkado al grandaj popolamasoj pri la neceseco kaj taŭgeco de la ŝanĝo ?

Se estus konsiderinda nur la forteco de la pugno, kial do ekzistus ĉe potenculoj tiom granda deziro akiri aŭ fondi gazetojn por influi la opinion de la ceteraj homoj ? Eĉ registaroj bazantaj sur energio kaj « fera mano » tre atente prizorgas la propagandon per gazetaro.

Kion ĝi pruvas ? Ke ideoj kaj sentoj estas tre grandaj kaj efikaj fortoj. Psikologia scienco eĉ kreis la esprimon « ideo-fortoj ». Grandega plimulto da homoj estas iom — aŭ tre — ŝafaj. Ili ne volonte pensas mem pri kolektivaj problemoj, sed pli volonte akceptas pretan koncepton, eĉ prefere sentan aŭ partian tendencon.

Maljunaj, spertaj observantoj ĝenerale konstatas, ke ili rimarkis en vivo multe pli da amoj aŭ malamoj, ŝatoj aŭ malŝatoj ol da logika argumentado kaj rezonado. Tio estas ja natura fenomeno. Bone estus insisti en lernejoj pri la utilo de objektiveco kaj senpartieco, kutimigi infanojn vidi ĉiam ambaŭ flankojn de ĉiu afero. Tamen ne timu. Eĉ en unu generacio vi ne ŝanĝos la homan naturon kaj ne transformos pasiajn estulojn en trankvilajn observulojn kun saĝigaj okulvitroj. La risko, ke la mondo fariĝus teda pro troa senpacieco, ankoraŭ staras malproksime. Ankoraŭ longe atendos Bernard Shaw nian revenon al Metusalemo.

Do trudi al sentemaj homoj tute novan aranĝon de kolektivaj interpopolaj aranĝoj kontraŭ ilia sento, sen ia ajn edukado aŭ preparo, tio estas certe malfacila afero. Aranĝoj, leĝoj, kontraktoj funkcias sukcese nur per sufiĉa lojaleco kaj konsento.

Eĉ enkonduko de Esperanto en lernejojn estas kvazaŭ neebla sen minimuma konvinko ĉe gepatroj kaj instruistoj, ne menciante la infanojn mem. La sama aplikiĝas al ĉiu internacia progresa paŝo. Por forigi ĉiujn kaŭzojn kaj riskojn de milito, necesas, ne nur starigi tute alian organizon de multaj aferoj, ekonomiaj aŭ politikaj, sed samtempe disvastigi korespondajn « ideo-fortojn », interalie malamon al milito, malŝaton al ŝovinismo, amon al homaro, ŝaton al interpopolaj entreprenoj, k.t.p.

Fariĝis kelkloke modo rideti pri la « interna ideo » de esperantismo en kiun D-ro Zamenhof metis tiom da espero, fakte la celo, pro kiu li kreis la lingvan rimedon. Tio estas grandega eraro. Hodiaŭ kelkaj milionoj la homoj aĉetis lernolibron de Esperanto, kelkaj centmiloj ĝin eklernis. Kiom da ili uzis ĝin praktike ? Certe ne la plimulto, sed vasta nombro ricevis per ĝi tuŝeton de la « interna ideo », eĉ tiuj, kiuj ridetas.

En ilian koron — por paroli home — aŭ en ilian subkonscion — por diri science — eniris plia emo, ero de « ideo-forto », ŝato al interpopola kompreniĝo, sento pri la homaro. Ĉu tio estas neglektebla, malkonsiderinda ? Neniam. Ĝi havas ne mezureblan rezultaton, ĝi helpas nun ĉiutage en la ĝenerala postulado je novaj internaciaj aranĝoj, ĝi kontribuas al la kolektiva progresado ; kaj ĉiujare la proporcio kreskas.

Kompreneble estas esperantistoj, kiuj jam posedis tian emon antaŭ ol ili renkontis la lingvon. Bone. Ekzistas antaŭ aliaj, kiuj tamen restas skeptikaj aŭ eĉ kontraŭaj al la emo interpopola. Ĉu multaj ? Certe ne. Ni ja scias ke semoj povas fali sur diversajn terojn : riĉajn plenajn, rokajn, dornajn, bonajn, taŭgajn, fruktoportajn, ĉiajn.

Cent semoj perdiĝas, mil semoj perdiĝas,
Ni semas kaj semas konstante.

Ne havu ian dubon pri tio : ĉiu semado de utila ideoforto estas bona kaj oportuna agado por prepari aŭ akompani progresan ŝanĝon en la vivo de l'homaro. Kiam ĝi estas eĉ tute nedetruema, kaj pure konstruema kiel esperantismo, ĝi montriĝas samtempe senriska kaj sen timiga negativa flanko. Tio estas tre malofta eco kaj igas ĝin aparte taŭga kiel edukilo en publikaj lernejoj, devige neŭtralaj religie kaj politike.

*Edm. P.*

---

Kun la nuna numero estas sendata invitilo de la Interrelegia konferenco por la paco, okazonta la 31-an de Julio ĝis 2-a de Aŭgusto 1928 en Hago.

---

La unua numero de la Interŝanĝa Bulteno, organo de la Interŝanĝa Klubo aperos kun la Maja numero de *Esperanto*.

# PRESSA



## (Internacia Ekspozicio de la Gazetaro)



(Majo ĝis Oktobro 1928 en Köln)

---

Kiam ekĝermis la ideo de internacia Ekspozicio de la Gazetaro ankaŭ plej varma entuziasmo ne eligis dubojn, ĉu estos eble elĉerpige reprezenti la gazetaron en kadro de ekspozicio? Kaj dua demando estis: ĉu oni sukcesos interesi ne nur fakajn rondojn sed ankaŭ la publikon?



Norda flanko de l' Ekspozicio.

Tiuj ĉi demandoj karakterizas la ĉefajn problemojn. La malfacilaĵo estas, ne nur krei ekspozicion altiranta la amasojn sen difekto al la faka perfekteco, sed same subigi la tutan fakon tiom diversan en ĝiaj partoj al unu celkonscia ideo, tiom ke la aranĝo ne disfalu en neinterrilantaj grupoj sed konstruu sistemunuecan tutaĵon.

Tial la fundamenta ideo de la ekspozicio ne estas reprezenti la gazetaron en racia pureco, sed ĝian disvolviĝon sur la bazo de historiaj koneksoj, travivigi al la vizitanto la fariĝon de la gazetaro. Per tio ĝi atingas ke la spirita enhavo de la gazetaro ne fundenpuŝiĝu per pure teknikaj kaj palpeblaj aferoj, kontraŭe ke ĝia vivema spirito montriĝu kiel pulsanta kaj vojmontra forto.

La *kulturhistoria sekcio* komencos per la praformoj de la gazeto, ĝi reprezentos la ĉefajn disvolviĝojn de informservoj dum du jarmiloj en vivplenaj scenoj kaj vidigas ilin per elektitaj ekspoziciaĵoj en 30 vastaj ejoj. Ĉiu parto de tiu ĉi longa vojo troviĝos en historia kaj kulturhistoria kadro, reprezentanta la koncernan epokon kaj ĝian spiriton, kompreneble paralele ankaŭ la teknikan staton de la gazetaro.

La sekcio de la *moderna ĵurnalo* malfermiĝos per kondensita rigardo super la spiritaj, ekonomiaj, kulturaj kaj sociaj fortoj kunagantaj en la gazetaro kaj montrotaj per bildaj kaj plastikaj reprezentaĵoj. Aliĝos reprezentaĵoj karakterizantaj la unuopajn fazojn de laboro kaj celo de eldonejo, redakcio, informservo en produktorganiza vico. Pliaj grupoj kaj apartaj elmontroj de germanaj ĵurnaloj montrontaj la interligitecon de la gazetaro kun popolaraj, kulturaj kaj ekonomiaj specialaĵoj de sia regiono, kompletigos la impreson.

De sama signifo kiel la ĵurnaloj estos la ekspozicio de *la Revuoj*. Ankaŭ ĝi estos enkondukita de ĝenerala rigardo pri ilia disvolviĝo, karaktero, kulturo, ekonomia kaj politika signifo. Kopio de la legoĉambro de la Germana Librejo en Leipzig montros la grandan diversecon kaj specialiĝon de la revuoj dum statistikoj pri iliaj

aperlokoj montros la geografian dislokiĝon kaj kondukos al reprezentado de la faka dispartigo.

Specialaj grupoj pritraktos la reguleon de aperado, la tipografian disvolviĝon, speciale de la titolpaĝo, la ekonomiajn kaj sociajn fortojn de la revuoj same kiel la disvendon en ĝiaj diversaj formoj, la anoncojn k.m.a Mallonge, la tuta komplekso de la demandoj ligitaj al la eldono de moderna revuo estos reprezentita por montri la signifon kaj efikon de la revuoj kiel kultura kaj ekonomia faktoro.

La resto de tiu ĉi sekcio disiĝos en du grandaj grupoj : Generalaj kaj fakaj gazetoj, dispartigitaj en ne malpli ol 65 subgrupoj sub gvido de ĉefaj eldonistoj en ĉiu grupo. Ĉiu ricevos vivon per objekta reprezentado el sia speciala fako : ekzemple la modaj ĵurnaloj montros modojn el ĉiuj epokoj sur vivantaj modeloj, la akademiaj gazetoj donos kulturhistorian bildon de akademia vivo estinta kaj nuntempa; fariĝo de la gazetaro. *La presteknik*o estos reprezentita en plej larĝa senco : ĉiuj teknikaj helpiloj de grafika industrio depost fabrikado de papero ĝis transporto kaj disdono de gazetoj estos montrataj en aktiva funkciado. Aliaj specialgrupoj montros la varbantan grafikarton kaj la libron kiel artan produktaĵon de la presilo, krome la fotoarton, kinografion kaj senfadenan radiadon.

La elmontro de *eksterlandaj grupoj* en novekonstruata « Domo de la Nacioj » konformiĝos al la principo uzata por la germana parto de la ekspozicio. Ĉirkaŭe 50 unuopaj ŝtatoj montros sian gazetaron sur la fundo de sia nacia, ekonomia kaj kultura specialeco. Oficiala partopreno de la plej gravaj jam estas certigita : Aŭstrio, Belgujo, Danujo, Estonio, Francujo, Hispanujo, Hungarlando, Letlando, Latvio, Luxemburg, Norvegujo, Polujo, Portugalujo, Rusujo, Svedujo, Svislando, Turkio kaj Ĉeĥoslovakio nomis registaran komisarion; la angla gazetaro estos reprezentata de la Unuiĝo de anglaj eldonistoj, tiu de Usono de la plej grandaj gazetentreprenoj en kuniĝo kun fabrikoj de specialmaŝinoj, dum la sudamerikaj ŝtatoj aliĝis al la ekspozicio de Hispanujo. Ĉina kaj japana partoj kompletigas la grandan revuon de internacia ekspozicio de kultura kaj ekonomia signifo, dononta super rigardon pri tutmonda kulturstato, kies efektiviĝo jam estos granda profito por la gazetaro, por civiliza progreso kaj politika interkompreniĝo de la popoloj.




Generala vidaĵo de la « Domo de la Nacioj », la granda halo la turo 85 m. alta, la 2 Rejnpontoj, turoj de l'urbdomo kaj preĝejo S-ta Marteno.

sporto kaj ludo montros sin en reciprokeco kun sia gazetaro; laborejoj invitos al trarigardo de la koncernaj fakorganoj; kaj modela oficejo « Germana Komercisto » respeguligos la spiritan enhavon de la gazetoj por komercistoj.

Specialaj gravaj grupoj de la tuta sekcio estos reprezentitaj aparte, ekzemple la gazetaro priarta, gazetaro por la junularo, por la virino. Specialan signifon posedos ankaŭ la apartaj ekspozicioj de religiaj kaj politikaj mondkonceptoj.

La intimaj rilatoj de la gazetaro al *la varbarto* montriĝos en speciala grupo, kies centro estos la gazetanonco : ĝiaj signifo, desegno, efiko, sukceso kaj kontrolo estos reprezentitaj en instrua kaj nova formo laŭ plej modernaj sciencaj kaj varbteknikaj spertoj.

Kompreneble la Pressa donos ankaŭ rigardon pri la teknika

Laŭ paroladoj de Gen. Dir. *Esch*,

Esp. *H. J. Hoen*.

## EL NATURO KAJ SCIENCOJ

# La batalo pri Glozel

**En numero 314 de nia gazeto ni informis la legantaron pri la trovitaĵoj prahistoriaj en Glozel. Intertempe la tuta afero fariĝis preskaŭ skandalo, juĝante laŭ la gazetaro.**

La disputo por kaj kontraŭ Glozel etendiĝis tiagrade ke vole, nevole oni devas memori je la plej ekscititaj tagoj dum la Dreyfus-proceso. Ministro kaj parlamento devis okupiĝi pri ĝi. Ne nur la scienculoj rekte interesitaj en la afero dividiĝis en du kampoj : « Glozelanoj » kaj « Antiglozelanoj »; gazetaro kaj publiko partiiĝis kaj interbatalas. Unu partio kredas defendi la trovitaĵon de juna kamparano kaj de kuracisto, malaprobitaj de enviemaj kaj teoriamentaj fakuloj. La kontraŭpartio vidas en la trovitaĵoj de Glozel falsaĵon, aranĝitan lerte kun multe da reklamo, kiu alportis gloron al unu, monon al alia... kaj ankoraŭ devus alporti.



Ringo kun enskribo.

La evoluo de tiu-ĉi afero estas jena : *Glozel* estas vilaĝeto proksime de Vichy, la konata banloko franca. Antaŭ 4 jaroj juna kamparano trovis dum plugado brikojn kaj murrestaĵojn. Li opiniis esti trovinta prahistorian tombon de alta scienca valoro. Scivolemaj personoj intervenis, ankaŭ fakuloj ; tiuj lastaj deklaris ke la supozita tombo estas restaĵoj de malnova vitrofarejo, kiel tiaj abundas en la regiono. La trovinto tamen ne kontentiĝis per tiu-ĉi deklaro. Li trovis subtenanton fervoran kaj monhavan en kuracisto de najbara Vichy.

Ambaŭ nun komencis la serĉadon. Ili trovis ĉiaspecajn kuriozaĵojn kies specialeco kaj teknika ellaboro vekigis ĉe fakuloj la penson pri falsaĵoj. Estis ĉefe unu briko kun signoj kvazaŭ skribkarakteraj, enĉizelitaj post faro de l'briko, kiu instigis tiun malfidon. Pli poste la serĉintoj prezentis tabuletojn kun similaj signoj ĉizelitaj en la molan materialon per kio malestis la suspektinda aspekto de io nova.

Por observanto kritikema kaj atentema la falsaĵo do estis klara. Ĝeneralan malaprobon la trovintoj tamen ne havis, kvankam la fakaj revuoj restis skeptikaj al la trovitaĵoj kaj al la konkludoj de la trovintoj. Nur unu literatura revuo propagandis por Glozel. Lerte la trovintoj uzis aprobon de konata scienculo, kiu vidis en la skribtabeloj konfirmon de tezo, jam longe antaŭe starigita de li. Nome : La galia civilizo nenion pruntis el la antikvaj kulturoj mediteraneaj, kontraŭe tiuj estis influitaj de la galia kulturo. La skribo ne inventiĝis en la oriento sed en Galio, kaj precize... en Glozel.

La aŭtoritateco de tiu-ĉi scienculo, membro de la Instituto, delogis aliajn personojn aliĝi al la asertoj de la Glozelanoj. Iuj nun deklaris la objektojn trovitajn kiel galio-romaj, aliaj paleolitikaj aŭ neolitikaj, tio estas do apartenantaj al la antikva kaj frua ŝtona epokoj. Pli kaj pli vastaj rondoj interesiĝis pri la diskutoj kaj fine ĝi fariĝis demando de prestiĝo de kelkaj arkeologoj kaj historiistoj en Parizo.

Intertempe la trovado ne haltis. Ĉiam pli kaj pli da objektoj prezentiĝis, kiuj devis konfirmi pli kaj pli la asertojn de la glozelanoj. Anstataŭ la sensenca nedeĉifrebla gratado, la tabuletoj montras signojn de la fenicia alfabeto. Fakulo pri prafenicia kulturo miris, ke nur troviĝis malfruaj signoj feniciaj kaj neniaj klasikaj. Ankaŭ tiaj venis. Ankoraŭ pli : por ke ĉiu antaŭeco de la Glozela skribo nuliĝu kontraŭ la fenicia, troviĝis poste gravituraj sileksoj kaj estaĵoj kaŭ la konata tipo de la Magdalenio kun desegnoj iom mallertaj de renbesto (norda cervo). Aldone ia speco de skribo, tiel ke la invento de tiu-ĉi datus de la fino de la glacia epoko.



Briko kun alfabeta enskribo.

Ĉio stranga en tiuj trovitaĵoj ne povis malfermi la okulojn al la Glozelanoj. Tamen la ĉefagitanto ne volis

proponi la trovitaĵojn por la Nacia Muzeo en Saint-Germain. Li eĉ prisilentis ilin en propra revuo arkeologia. Tio tamen ne malhelpis lin defendi antaŭ la Akademio kaj de la tuta publiko la aŭtentikecon de la trovitaĵoj. La afero daŭris. Pli fantazia fariĝis la specialeco de la kampo. Tombo tre supraĵe sub la surfaco liveris pli ol cent objektojn: Keramikaj tabuletoj, idoloj duseksaj, vizaĝvazoj, gravuritaj sileksoj. Similajn aŭ samajn trovaĵojn oni faris en ĉeesto de diversaj scienculoj. Iuj eĉ subskribis tro rapide protokolon konfirmintan la aŭtentikecon de la objektoj kvankam la ne profunda kuŝo de la objektoj estis suspekta. Ĝoje la glozelanoj montris tiujn dokumentojn, sed nenion diris pri la scienculoj kiuj ne subskribis tian konfirmon.

Por ĉesigi tiun diskuton jam fariĝintan vera disputaĉo kaj polemiko, ministro Herriot decidis meti la trovlokon sub ŝtata kontrolo kaj zorgo. Aliflanke la antropologia kongreso en Amsterdam aranĝis formadon de komisiono internacia konsistanta el profesoro Pittard, Genève; D-ro R. Forrer, Strasbourg; Bosch-Gimpera, Barcelona; F-ino Garrod, Oxford; Abato Favret, Epernay; F. Peyrony, Les Eyzies, kaj P-ro Hamal-Nandrin, Amsterdam. Ĝi havis la necesan rajtigon por esplori la trovlokon. La solvo estu akceptata kiel kompetenta. Ambaŭ partioj



Rulŝtono kun desegnaĵo.

akceptis tiun aranĝon. Direktis la esploron la ĝeneva profesoro Pittard, poste D-ro Forrer, Zuriĥano, nuna direktoro de la prahistoria muzeo en Strasbourg. Dum Novembro 1927 komencis la laboro. Aperis nun la raporto. Seke ĝi deklaris la trovitaĵojn kiel falsigitaj. Aŭtentikaj estas nur la komence trovitaj kaj ne pridubitaj restaĵoj de malalta vitroforno, kelkaj fragmentoj de ŝtonhakiloj kaj sileksoj. Falsaj estas antaŭ ĉio la vazoj, la idoloj, la gravuritaj sileksoj kun skribkarakteroj, harpunoj, mallonge ĉiuj trovitaĵoj kiuj forigis ĉiujn kombinojn pri la ekesto de la skribo, la antikveco de la mediteraneaj kulturoj, k.t.p.

La scienca vero, suferinta sub la bruado de la glozelanoj, subtenitaj de malmultaj arkeologoj venkis nun dank' al la kuraĝa kaj objektiva juĝo de la internacia komisiono. Glozel estas do komdamnita, sed la batalo daŭras pri personaĵoj.

---

La nuna numero enhavas 28 paĝojn.

Kun ĝi estas sendataj:

*Bulteno de la Internacia Labora Oficejo* n-ro 26, gvidfolio tra Banloko Godesberg ĉe Rejno kaj urbo Saarbrücken.

## NOTOJ

*Paĝia frizaĵo sur poŝtmarko.* — La harfrizaĵo de la moderna virino trovis kvazaŭ ŝtatan rekonon. Aperis sur poŝtmarko virina kapo kun paĝia frizaĵo. Estas la centra-amerika respubliko *Salvador* kiu ĉarmigas la 35 centiman poŝtmarkon per la bildo de salvadoranino. Kaj ŝi havas arte aranĝitan frizaĵon paĝian. Ĉarma juna enlandanino en societa kostumo, perloj ĉirkaŭ la kolo. La bildo aspektas kiel reklamilo de lerta frizisto. Sed ĝi havas ankaŭ reklaman karakteron tiu-ĉi poŝtmarko. Sed ne por la paĝia frizaĵo. La kapo de la belulino estas ĉirkaŭata de du branĉoj de la kafo-arbo. Enskribo diras ke San Salvadoro liveras la plej bonan kafon. Ankaŭ en Salvadoro oni ligas la agrablaĵon kun la utilaĵo. La poŝtmarko sekve servas por la internacia reklamo de la plej grava enlanda produktaĵo. Ĝi portas la gloron de la salvadora kafo en ĉiujn partojn de la mondo. Oni vidas kion lerta poŝtministro povas fari el poŝtmarko. Ĝi fariĝas tiel la plej bona reklamilo por la lando. Cetere estas ankoraŭ tre malofte ke poŝtmarko tiom formale estas uzata por la reklamo de produktaĵo.

*Sirio, lando de kontrastoj.* — La nuna Sirio, tiu antikva kultura lando nun sub mandato de la Franca Respubliko, sen Cilicio kaj Palestino, estas lando plena je kontrastoj. La Franca Sirio ampleksas 150,000 kvadratkilometrojn, iom pli ampleksa ol Ĉeĥoslovakio. Ĝi estas senekzempla, rilate je la miksado de gentoj kaj religioj kio malfaciligas la taskon de la francoj, pacigi kaj koloniigi. Por respondi al tiu-ĉi kolora diverseco la Franca aŭtoritato formis tri partojn: Granda Libano, La Siria Ligo kaj Djebel. La Siria Ligo dispartiĝas denove en la teritorio de la Alaŭitoj (mahometana sekto), la sendependan regionon de Alexandrette kaj la ŝtatojn Alepo kaj Damaso. Granda Libano havas kristanan, la teritorio de la alaŭitoj, alaŭitan, la ŝtatoj Alepo kaj Damaso mahometanan, Djebel druzan plimulton de la loĝantaro. Ĉar la turkoj neniam aranĝis popolnombradon, oni ne posedis ciferojn precizajn. La Francoj tion faris kaj atingis ciferon de 2.139.000 homoj kun laŭtaksa enkalkulo de Alexandrette sed sen la nomadantaj beduenoj, kies nombron oni taksis je 350.000. Estas inter ili 1.5 miliono da mahometanoj, 500.000 kristanoj, 16.000 judoj kaj 70.000 fremduloj. La mahometanoj disiĝas en kvin grupoj religiaj aŭ sektaj, la kristanoj en dekunu.

Sed en ĉiu el la statoj la minoritotaj estas kompare sufiĉe multenombraj. Ekzemple en Granda Libano 330.000 kristanoj kontraŭ 275,000 mahometanoj, en Damaso 474.000 mahometanoj kontraŭ 66.000 kristanoj k.t.p. Kompreneble ili ne akordiĝas kun la divido aranĝita de la Franca aŭtoritato. La alaŭitoj protestas kontraŭ la enigon en la Sirian Ligon, la mahometanoj kontraŭe ke Granda Libano ne estas en la Siria Ligo. Ĝenerale kontentigan solvon oni ne povas trovi pro la nepriskribebla miksado de la diversaj sektoj kaj religioj. Malfaciligas tio pro la fakto ke la disputoj de sektanoj inter si estas pli fortaj ol la principa kontraŭeco inter kristanoj kaj mahometanoj.

*Politika divido de Ĉilo.*— Laŭ dekreto de la ĉila registaro, la Ĉila teritorio estas dividata en 16 provincoj kaj du terdistriktoj. Ili estas: Tacna, Tarapaca, Antofagasta, Atacama, Coquimbo, Aconcagua, Santiago, Cochaqua, Talca, Maule, Nuble, Conception, Biobio, Cantin, Valvidia, Chiloé. La du terdistriktoj estas Aysen kaj Magallanes. L.E.S.C.

*Nova hebrea vortaro.* — Ĝis nun ne ekzistis verko kiu traktis la vorttrezoron de la posttalmuda epoko. La taskon prepari vortaron de la unua tempo de l'biblio ĝis la lingvo hodiaŭ parolata kaj uzata en Palestino, entreprenis Eliezer Ben Jehuda. Aperis nun lasesa volumo de lia verko ĉe la eldonejo Langenscheidt en Berlino, la Theraurus totius hebraitatis. Komplete la verko havos 12 volumojn. La komencinto ne ĝisvivis la aperon de la ses-a volumo, ĉar li mortis en la jaro 1922.



## TRA LA MONDO ESPERANTISTA



# Universala Esperanto-Asocio
# 1908 - 1928

### INTERNACIA ORGANIZAĴO ESPERANTISTA

(Ekstrakto : ESPERANTO, 1. Majo 1908)

Kiel ni jam diris, la Universala Esperanto-Asocio celas la plifaciligon de ĉiuspecaj rilatoj inter diverslingvanoj kaj la kreon de fortika ligilo de solidareco inter samideanoj. La unuan celon ĝi atingos iom post iom per la starigo de la diversspecaj internaciaj servoj, kiujn ebligas tuj de nun la disvastiĝo de nia lingvo. La dua parto de la programo montras, ke nia asocio estas gvidata ne nur de pure materialaj interesoj kaj komercaj celoj : grupigante ĉiulokajn homojn en unu tute neŭtrala organizaĵo, plimultigante la servojn, kiujn al si reciproke povas fari tiuj homoj, faciligante iliajn kreskantajn rilatojn internaciajn, donante al ili la eblecon sin ne nur reciproke kromprenadi, sed ankaŭ *utiladi*, ĝi vole-nevole plifortikigos kaj plirealigos ilian solidarecon kaj kreos inter ili ligilon tiom pli nerompeblan, ke ĝi havos materialan fundamenton. Unuvorte, la Universala Esperanto-Asocio, konforme al la celo kiun ĝi aljuĝis al si, sekvos la tradicion de la ĝisnuna Esperantismo kaj penos faktigi kaj enkorpigi tiun internan ideon, kiu gvidis la kreinton de Esperanto, kiu malgraŭ ĉiuj ventegoj vivigis la Esperantistaron, forpelis ĉiujn danĝerojn de disunuigo kaj solidarigis ĉiujn Esperantistojn kontraŭ ĉiuj atencoj.

La Universala Esperanto-Asocio por la difinita celo uzos la lingvon Esperanto tian kia ĝi rezultas el sia verkaro ; ĝi konsideras la lingvon kiel jam ekzistantan interkomunikilon, apartenantaj al ĉiuj homoj, kiuj ĝin uzas, kaj sekve ne perforte tuŝeblan de iu ajn aŭtoritato ; ĉiujn teoriajn lingvajn diskutojn ĝi konsideras kiel ekster sia celo. Fine, la neŭtraleco de la Asocio rilate al politiko, religio kaj nacieco estas principo, pri kies neceseco ni ne bezonas insisti.

*H. Hodler.*

## La Agado de UEA

(Ekstrakto « ESPERANTO » Aŭgusto 1908)

Kelkajn tagojn antaŭ la malfermo de la IV-a Kongreso kaj por respondi diversajn demandojn, konvenas resumi la ĝisnunan agadon de Universala Esperanto-Asocio kaj ĵeti rigardon al ĝiaj estontaj estontaj planoj kaj projektoj. Niaj legantoj rememoras, ke la ideo pri la neceseco de internacia organizaĵo esperantista estis unuafoje esprimita ĉi-tie, sekve de konataj okazintaĵoj, kiuj al ni montris tre klare, ke nia afero estos ekster danĝero nur tiam, kiam ĝi estos starigita sur fortika materiala fundamento, ke ju pli grava estos tiu fundamento, des pli prosperos kaj elradios nia movado kun ĉiuj ĝeneralaj konsekvencoj, kiujn ĝi havas en si. La lingva demando pri kiu tro da homoj sin ankoraŭ nun okupas, estas nur flanka afero ; ĉefa afero estas la uzigado kaj utiligado de tiu ilo, kies nomo estas Esperanto. Por tiu celo estis speciale fondita Universala Esperanto-Asocio, ĉar la sperto montris, ke en tiu direkto nenia serioza kaj daŭra laboro estas farebla sen forta internacia organizaĵo, kiu kolektos en vasta fasko ĉiujn homojn, kiuj, pro sia partopreno en la internaciaj rilatoj kun siaj kunhomoj, bezonas Esperanton kaj volas ĝin uzi.

*H. Hodler.*

# Por la Kongreso

(Ekstrakto « ESPERANTO » 15 Julio 1908)

Ĉiujare la atento de la Esperantistaro koncentriĝas al la Kongreso, kiu glore kronas la dumjaran agadon de ĉiuj samideanoj. Paroli pri la utileco kaj la neceseco de niaj kongresoj fariĝis nun tute superflua. Ili estas unuparte klara pruvo de la praktikeco de nia lingvo, kaj aliparte grandioza manifesto de la ideo, kiun en si havas Esperantismo. Al ĉiuj partoprenintoj la pasintaj kongresoj postelasis neforgeseblajn rememorojn, ne nur ĉar ili fortikigis ĉe ili tiun konvinkon, ke Esperanto en sia nuna formo tute kontentige taŭgas por sia celo laŭ ĉiuj vidpunktoj sed ankaŭ kaj ĉefe, ĉar ili konkretigis tiun solidarecon, kiu tra ĉiuj tempoj kaj danĝeroj, kunligis la Esperantistojn kaj ilin alte levis super la detalaj kaj pasiemaj malkonsentoj !

Tiun-ĉi jaron, ankoraŭ pli ol la antaŭaj, nia kongreso prezentas ne kontesteblan gravecon. En la daŭro de la lastaj monatoj, Esperanto estis atakita de danĝero, kiun ĝi venke preterpasis. La homoj, kiuj en mallumo agitadis kaj trompadis por subdetrui la kolektivan kaj senprofitan laboradon de la Esperantistaro, estis devigataj forĵeti sian maskon kaj eliri pli-malpli vole el niaj vicoj : la homoj ĉe kiuj Esperanto estas nur amuzilo por diletantoj kaj instrumento por konstanta pridiskutado kaj babilado, ilin ankaŭ forlasis, aŭ se ili tiel ne ankoraŭ agis, ili ĝin faru sentime. Sed la densa aro de tiuj, kiuj vere laboras por Esperanto, ĉiutage plidikiĝis kaj pliprosperiĝis. Nia movado, en rilato praktika, posedas nun internacian organizaĵon kun preciza plano de agado, kiu ne trudante ion al iu, ebligas konstantan disvastiĝon de nia afero en la uzadon praktikan kaj utiligadon de ĉiuj ĝis tiam tro dissemitaj fortoj de la Esperantistoj. La situacio do estas klara kaj kuraĝiga por la estonteco ; ĝi estos ĉefe klara se la Esperantistoj multope veturas al la Kongreso, kiu al la mondo montros la novan antaŭenpaŝon faritan de post unu jaro.

*H. Hodler.*

# La Jubileo de la Delegitoj de UEA

Rerigardante la longan vojon trapasitan depost 1908 ni danke memoros la homojn kiuj komencis nian aferon. El la propono de S-ro Carles pri elekto de « konsuloj » kristaliĝis la ofico de « delegito » vorto pli agrabla kaj ĉefe ne jam uzata en tiu senco kaj tiom vaste kiel ĉe UEA. Kio estas la Delegito de UEA kaj kion li faras ? Tion tre precize kaj nete diras la statuto :

*Reprezentas en sia loko la Asocion kaj rilate al la estraro de UEA siajn membrojn ;*
*Propagandas, varbas membrojn, enkasigas kotizojn kaj prizorgas la administrajn aferojn;*
*Respondas la informpetojn de la membroj kaj helpas ilin okaze de vojaĝo ;*
*Klopodas starigi en sia loko la aliajn oficialajn servojn kaj kontrolas ilian funkciadon ;*
*Konservas en bonordo ĉiujn leterojn kaj dokumentojn koncernantaj lian oficon.*

Ampleksa laboro laŭ tiuj linoj kaj, se la cirkonstancoj permesus ĉie plenumi tion, UEA estus giganta asocio. Sed la ĉefa tasko de la Delegito de UEA estas pruvi per la simpla ekzisto, ke Esperanto havas reprezentanton en tiu aŭ alia loko. Ĉirkaŭ li ofte ariĝis la samideanoj por komenci agadon aŭ restarigi ĝin se iuj cirkonstancoj disigis la grupanaron. Tiel la Delegito de UEA aperas kiel daŭra centro ĉiam movebla, ĉiam servopreta. Sen la Delegitaro, laboranta honorofice, UEA ja ne povus ekzisti. Apud la servoj farataj al la membroj, la Delegitoj enkasigas la kotizojn kaj tiel koncentrigas la rimedojn je unu punkto permesante fari kion oni ne sukcesus alimaniere. Se ni pensas al la fondintoj de UEA, ni memoru dankeme la Delegitojn kiuj kunhelpis kaj partoprenis starigi tiun konstruaĵon, la Universala Asocio de la Esperantistoj, praktikantaj la lingvon.

Foliumante la unuan eldonaĵon de UEA (fiere ĝi portas la titolon Jarlibro kvankam estis nur mizera pli ol modesta presaĵo) ni trovas nomojn de delegitoj ankoraŭ nun servantaj. Dudek jaroj estas longa tempo ĉe societo kaj klopodado, tiom dependa de personaj idealismo kaj sindono ! Kiom da aliaj forlasis la aferon dum tiu-ĉi tempo ? Estas centoj da ili ! Riproĉi pro tio estus malsaĝe. Sed despli ni respekte salutu la fidelulojn, kiuj dum dudek jaroj plenumis devon propravole akceptitan por sukcesigi tiun idealon, enkonduki nian lingvon en la ĉiutaga vivo, koncentrigi la disajn fortojn kaj servi al ĉiuj.

**Delegitoj de UEA nun oficantaj kaj kiuj elektiĝis ĉe la fondo de UEA**

Antonio CARBONELL Y BOSQUE, Alcira ; Charles BRUNET, Bordeaux ; Georges BAIRE, Boulogne-sur-Mer ; Walter BELL CURRIE, Burnley ; J. GARZON RUIZ, San Fernando ; Ch. CRESP, Cannes ; Albéric HUMEZ, Douai ; Armand LANDENNE, Huy ; Charles JAYET, Morges ; Georges STROELE, Neuchâtel ; Stefano LA COLLA, Palermo ; Louis BOUVIER, Poix ; Vojtech KRAUS, Praha ; P. J. VERMAAS, Rotterdam ; Eugène GABERT, St-Etienne ; Ernest DELIGNY, St-Omer , Paul BERENGUIER, Toulon; François SOUBRANNE, Tulle ; Ludwig ISTEL, Wiesbaden

# Esperantistaj Problemoj

## IV

## La Kongreso

Dudeka kongreso universala ! De 1905 en Bulonjo ĝis 1928 en Antverpeno estas longa vico. Kiu vivas ankoraŭ el la kongresanaro de 1905, irinta kun dubo, espero, malpacienco kaj sinpromeso? Junuloj fervoraj iĝis viroj pripensemaj foje eĉ skeptikaj peze pasis la vivo ĉe ĉiu, lasinte sian postsignon ! Malesperis fideludoj, tamen la verko grandiĝis, trapasis senfinan malhelpon ĉu en interno mem ĉu de l'ekstero. Reformo, milito, malpermesoj, indiferenteco, rezignacio, ĉio tio-ĉi ne povis mortigi la planton delikatan. Esperantismo trairis la krizon kaj kun ĝi la manifestacio ekstera : La universala kongreso ĉiujara.

Kiam en 1920 la bravaj nederlandaj samideanoj akceptis aranĝi la unuan postmilitan kongreson en Hago, ni certe ĝojis repreni la kutimon de ĉiujara migrado al la esperantista Meko. Sed profunde la militsekvoj ŝanĝis la cirkonstancojn. Financa mizero eĉ en la grandpotencaj landoj, pasporto, vizo, malpermeso kunporti monon sufiĉan, suspekto en alia lando kontraŭ fremdulo, jen baroj ŝajne ne transigeblaj. La entuziasmo tamen venkis kaj la kongreso okazis. Bone agranĝita sen bruo, sen superfluaĵo ĝi havis la karakteron de familia festo. Helpis ankaŭ la nombro. Sescent homoj pli facile moviĝas ol dumil.

Venis Praha, Helsinki, Nürnberg, Vieno, Ĝenevo, Edinburgo, Dancigo. Ĉiu havis karakteron specialan. Tamen ili diferencis de l'antaŭmilitaj. Jam en Praha esprimiĝis la deziro okazigi la kongreson nur ĉiun duan jaron, sed la popolo rifuzis tion en Nürnberg.

Ŝanĝis la tempo, ŝanĝis la homoj. Ankaŭ niaj kongresoj ŝanĝis. Ili ne plu estas konvinkigilo por ni mem. Ni tion ne plu bezonas. Firme kaj fortike staras la ideo. Necesas montri ke ni ekzistas, ke la lingvo funkcias.

La kongreso fariĝis pli propaganda. Feliĉa ideo kompletigi ĝin per aparta kreaĵo la « Somera Universitato » kie fakuloj parolas pri sciencaj temoj. Ĉio ŝajnas bona. Tamen aŭdiĝas kritikoj, riproĉoj, eĉ ofendaj atakoj.

Ilin celas nia artikolo.

Unua konstato : La kongresoj estis organizitaj de libervole laborantaj personoj havantaj tiun ardan fervoron kaj entuziasmon por venki ĉiun malhelpon. Aldoniĝas ankaŭ la fakto, ke ekzemple antaŭ la milito ekzistis samideanoj rentuloj kiuj povis sin dediĉi al la afero. Tio ja funde ŝanĝis. La situacio de postmilita mondo devigas ĉiun pensi unue pri si mem. Unuvorte la kongreso devus esti sub zorgo de profesia sekretario kun aro da libervolaj helpantoj lokaj kaj se necese salajrataj helpantoj dum la kongrestagoj mem. Tiel oni certigas maksimuman funkciadon de la kongreso, kaj ĉefe bonan preparon.

La kritikoj kontraŭ la kongresaranĝoj speciale en Vieno ja ĉefe devenas ke la laboron devis plenumi homoj profesie okupataj dumtage. Kaj dum vespero inter 9 kaj 11-a horo oni ne organizas kongreson kun tiom da detaloj, flankaĵoj, ofte venaj klopodoj kaj ĉefe konsiderinda administrado...

Dua konstato : Kie kongreso okazu kaj kie ne ? Ĝis nun oni sekvis la regulon, ke kongreso okazos tie kie oni invitis. Tiuj invitoj ofte ne funde pripensitaj tamen estas sub la zorgo de la *Internacia Centra Komitato* de la movado kiu fine decidos. Sed estus necese fiksi principajn regulojn. Ne ĉiu urbo taŭgas eĉ se ĝi havas la kvalifikon de « kongresurbo ». Ni devas atenti jenajn punktojn :

1. Situacio centra. Centra Eŭropo estas nia kampo idea, kie regas multlingveco. En centraj landoj ni povas ĉiam kalkuli je partopreno sufiĉa dume la vojaĝkostoj de tiuj landoj riĉaj je esperantistoj al ekstrem-nordo aŭ sudo ne permesas partoprenon multnombran. Decidas ankaŭ la libertempo ofte nur dusemajna ;

2. Sufiĉa nombro de esperantistoj en la loko kiu invitas. Nepra harmonio inter la lokaj grupoj (se estas pluraj) ; esperantistoj kun socia rango por faciligi kontakton kun aŭtoritatoj, k.t.p. ;

3. Kuninvito de la kongreso per loka organizaĵo aŭ urbestraro aŭ turisma organizaĵo kun certigo de proporcia kunlaboro, ekzemple dispono de materialo por la propagando (afiŝoj, gvidlibroj, dispono de antaŭkongresa oficejo eble ankaŭ de oficisto esperantista, financa subteno.

Ĝis nun ĉiam restis iom duba la sekureco financa de la kongresoj. Pro tio estas salutinde, ke la Internacia Centra Komitato, kiu laŭ sia mandato de UEA kaj KR organizas la kongresojn ĵus faris decidon pri severigo de la kondiĉoj de akcepto de kongres-invito. Tiuj kondiĉoj antaŭvidas firman garantion financan, certigitan ĉu per helpo de privatuloj, ĉu per subteno de aŭtoritatoj, ĉu per ambaŭ. Estus ankaŭ pripensinde antaŭvidi certan kunrespondecon de la Nacia Societo de l'koncerna lando.

Tria konstato : La kongresprogramo ne estu tro ŝarĝata. Konscia kongresano kiu deziras partopreni kiom eble plej multe, revenas de la kongreso duonmorta pro laceco. Konsiliĝus enmeti ĉiam unu plenliberan tagon eble en la mezon de la kongressemajno. Tiam ankaŭ la sekretarioj kun helpantoj povos iom respiri kaj aranĝi aferojn ofte ne eblajn laŭ la ĝisnuna sistemo. Starigi regulon pri la programo kvazaŭ krei tipon estus sensence ĉar varias la kondiĉoj kaj varias la karakterizoj de la urboj. Kio taŭgos en A estus ne ebla en B.

Ni resumu : Por ke niaj kongresoj sukcesu necesas :

1. Salajrata gvidado de la aferoj precipe de la administrado ;

2. Principoj pri la situacio kaj kvalito de la urboj kie kongreso povos okazi ;

3. Normigo de la kongresprogramo.

Aŭdiĝis kritikoj pri la kotizo pagata al la kongreso. Regas iom la opinio, ke esperantista kongreso devus esti preskaŭ senpaga. Tiurilate oni devos apliki sanan komercan principon : Bona pago sed bona servo. Kiu pagis bone rajtas plendi. Neniu serioza internacia kongreso estas farata sen serioza financa bazo. Ankaŭ por la esperantistoj devas validi la leĝoj, kiuj kutime validas en la mondo. Antaŭ la milito la kongresa kotizo estis dek oraj frankoj. Nun ĝi estas dudekkvin kio respondas al la senvaloriĝo de la mono kaj al la ŝanĝitaj cirkonstancoj. Komparante kun aliaj kongresoj oni konstatas tuj la tranĉan diferencon. Tio permesas ankaŭ, ke oni eluzu la propagandan valoron de la kongreso. Fari reklamon tio postulas monon kiel la milito. Komparo de la kongreskalkuloj postmilitaj *(ili aperis nur post kiam la ICK fakte okazigis la kongresojn do depost Genève 1925)* permesas konstaton konvinkigan pri la neebleco aranĝi kongreson kun malalta kotizo. Aplikante suprajn kondiĉojn ni starigos principecon ankaŭ en tiu-ĉi certe ne malgrava parto de nia klopodado.

*H. J.*

---

## Kongresa Kalendaro

(Naciaj jarkunvenoj esperantistaj kaj internaciaj kongresoj)

Aŭstria : Baden, Majo, 27 — 28.
Brita : Newcastle, Majo, 25 — 28.
Bulgara : Vraca, Aŭgusto ?
Ĉeĥoslovaka : Teplice-Töplitz, Majo, 26 — 28.
Dana : Odense, Majo, 27.
Estona : Rakvere, Aprilo, 9 — 10.
Finna : Helsinki, Aprilo, 8.
Franca : Lyon, Majo, 27.
Germana : Potsdam, Majo, 27.
Hispana : Sevilla, Septembro, 5 — 9.
Junul-anarkista : Huizen, Nederl., Majo, 9 — 10.
Inter-religia Paca : Hago, Julio, 31 — Aŭgusto, 2.
Kataluna : Vinaroç, Septembro, 5 — 9.
Katolika IKUE : Tilburg, Aŭgusto, 12 — 15.
Mezeŭropa konferenco (aŭstra, hungara, sudslava-esp.) : Budapest, Aprilo, 28 — Majo, 7.
Pac-movada Junulara konferenco de gvidantoj : Ommer, Nederl., Aŭgusto, 12 — 29.
Sennacieca Asocio Tutmonda : Göteborg, Aŭgusto, 14 — 19.
Socialist-religia konferenco : Le Locle, Aŭgusto, 30 — Septembro, 2.
Sudslava : Srem. Mitrovica, Junio, 29 — 31.
Universala Kongreso : Antverpeno, Aŭgusto, 3 — 9.

---

EKSPOZICIO. — Por granda ekspozicio okazonta en Verviers (Belgujo) dum Julio-Aŭgusto 1928-a pro la 50-a datreveno de la starigo de « La Gileppe », la loka grupo danke akceptos afablan alsendon de komercaj kaj turismaj esperantlingvaj presaĵoj. Esperantista Grupo, l'Emulation, Place du Martyr, Verviers.

# 1908-1928 - Inter la aliaj jubileoj

Jaro post jaro alportas al ni datrevenojn jubileajn, karajn kaj brilajn, vivajn atestantojn de nia forto kaj konstanta progreso. Kion ajn parolu niaj malamikoj — nia historio kaj sperto estas tiu tradicio de konscia popolo, kiu vidis ne nur brilajn, sed ankaŭ mallumajn tagojn. Ni konsolu nin pri neevitebleco de la lastaj kaj ĉerpu pluajn fortojn el la klara fonto de sukcesoj, kiuj jam estis.

Antaŭ dudek jaroj aperis sur la stratoj de Moskvo homo, vestita per kostumo, ĉe kiu eĉ la plej malgranda detalo parolis pri la limigo de ĉiuj senbezonaj akcesoraĵoj. Malhelaj bluaj okulvitroj kaŝis la rigardon. Neniu gesto povis montri, kiom da persista energio kaŝas tiu homo. Ĉio — sub la plej severa memkontrolo...

Sed, se la eksteraĵo de tiu homo sciis tiel morte silenti, parolis liaj agoj kaj faroj.

En nia movado ili estis kaj restis epoko. Tiu ĉi homo estis fama en Ruslando samideano Aleksandro Saĥarov, fondinto de la Moskva librejo « Esperanto ». Li fordonis sian sanon, sian brilan karieron kaj tutan sian estaĵon al la ideo de Zamenhof. La Majstro, pli ol iu alia, sciis estimi kaj ŝati lin.

Antaŭ do dudek jaroj Moskvo prenis en siajn manojn la bridojn de la rusa Esperanta movado kaj tiun rolon ĝi plenumas ĝis nun. Al la tiam treege influa petrograda Esperantista centro, Moskvo, kiel ĉiama liberema urbo, kontraŭstarigis : laboron kaj persiston. La propagandan laboron de la petrogradanoj Moskvo eluzis lojale, por pli poste montri al ili la tutan efikon de sia propra influo.

En la arkivoj de nia movado la Moskva librejo signifas ne nur librovendejon. Ĝi estis komenco kaj fajrujo por la sekvintaj entreprenoj : bonega gazeto « La Ondo de Esperanto », Moskva Instituto de Esperanto k.t.p. La libroj, eldonitaj de ĝi, estas vera fiero de nia literaturo ; ni rememoru nur pri « Patroj kaj Filoj », « Princo Serebrjanij », Esp.-rusa vortaro de Zamenhof, « En Rusujo per Esperanto » de Rivier, « Orienta almanako » k.t.p.

Kiom da libroj el niaj Eŭropaj eldonejoj enpumpis en Rusujon tiu ĉi librejo, scius precize diri nur la kontoj de la koncernaj eldonejoj. Ilia kvanto superas kelkdekojn da miloj. La tuta Rusujo estis surŝutita de ĝiaj lernolibroj. Cento da gazetoj ĉiutage reklamis ĝin kaj samtempe Esperanton. Al Siberio, al la tieaj kooperativoj, estis ekspedataj balenampleksaj pakaĵoj.

La tutan profiton A. Saĥarov donis al la pligrandigo de niaj sukcesoj. Lia loĝejo, el kiu li grandan parton donis al la Moskva Societo kaj Instituto, havis nur malgrandan fraŭlan ĉambron por li mem. Sed eĉ ĝi ne havis gardatan enirejon. Oni venis ankaŭ tien, ĉar interne estis esperanta biblioteko, vera valorega muzeo de la esperantaĵoj kaj literaturo pri la internacia lingvo.

La revolucioj kaj renversoj en la reĝimo kondukis al novaj formoj de la propagando de Esperanto en Rusujo. Ilia efiko montris sin brila, sed ni inklinu pensi, ke en multaj okazoj ankaŭ la pli postaj fruktoj fakte estas nur reeĥo de la laboroj, kiujn plej modele faris siatempe la Moskva praktika centro, gvidata de A. Saĥarov.

Kaj vi, ŝatata Aleksandro Andreeviĉ, se tiuj linioj atingos vin, estu certa pri la ĉiama danko kaj memoro de ĉiuj esperantistoj, kiuj tiel aŭ alie rilatis kun vi pro nia lingvo.

Vi povu ĝoje renkonti la daton de via multsignifa jubileo, kiu samtempe estas honora paĝo en la ĝenerala historio de nia movado.

*N. Hohlov.*

# ANTVERPENO

## la reĝino de la Skeldo

La origino de Antverpeno datumas el la VII-a jarcento. Ekzistis tiam ĉe la bordo de la Skeldo fortikigita kastelo, kies muroj parte ankoraŭ ekzistas, kaj kiu estas la naskejo de la urbo. Tiu-ĉi favore kuŝanta sur la dekstra Skeldbordo en komuniko kun la Mozo kaj la Rejno rapide fariĝis aktiva centro de internacia komerco.

La nomo *Antwerpen* devenus, laŭ la legendo, da la flandraj vortoj « Hand » (mano) kaj « werpen » (ĵeti).



*La Katedralo.*

Laŭ la tradicio iu giganto, loĝanta apud la Skeldo, dehakis la manon al la ŝipistoj kiuj rifuzis pagi al li imposton, por ĵeti tiun en la riveregon. Pli fidinda estas la etimologia klarigo laŭ « aen de werf », « an 't werp », « antwerp ». (Ĉe la enŝipiĝejo).

Ĝian apogeon la urbo atingis en la XVI-a jc., kiam la komerca riĉeco de Bruĝo alilokiĝis al Antverpeno. Pli ol mil fremdaj komercistoj daŭre loĝis en la urbo kaj dum unu tajdo iam kvar cent ŝipoj enveturis la havenon !

Sed poste venis la defalo, precipe kiam la kontrakto de Münster ordonis la fermon de la Skeldo. La komerco nur reviviĝis post 1795 kiam pro la traktato de Hago la libereco de la ŝipveturado denove estis proklamita. Post tiam la urbo daŭre plivastiĝis kaj progresis kaj ĝia haveno iĝas unu el la plej grava de la kontinento. En 1927 envturis 11,418 ŝipoj kaj la tunenhavo estis 23.490.725. Dum la lastaj dudek kvin jaroj la marŝipamovado pli ol triobliĝis kaj ducent ŝiplinioj elektis Antverpenon kiel sian konstantan havenon.

Je la fino de 1926 Antverpeno kun antaŭurboj havis 450,000 loĝantojn inter kiuj 25,000 fremduloj. Ĝi estas ja vere kosmopolita kaj preskaŭ ĉiu vizitanto trovos en ĝi samlandanojn.

Ne nur el industria kaj komerca vidpunkto Antverpeno estas interesa sed la urbo precipe fieregas esti la naskejo de la flandra arto Rubens, Jordaens, Van Dyck, Teniers estas ĝiaj gloraj filoj kaj en muzeoj kaj preĝejoj, grandioze konstruitaj (Antverpeno estas la urbo de la turarĥitektoj !) estas admirataj iliaj majstroverkoj. En la belega ĉefpreĝejo gotika kun ĝia rava turo 123 m. alta troviĝas la mondekonataj « Krucaltigo » kaj « Depreno de la Kruco », de Rubens.

Unuaranga estas la muzeo Plantin-Moretus, la fama altvalora presejo de Kristoforo Plantin, la arĥipresisto de Filipo II-a de Hispanujo, la plej grava tipografiisto de la XVI-a jc. Lia domo estas pilgrimejo por la intelektuloj el la tuta mondo kaj enhavas maloftajn artplenajn manuskriptojn kaj librojn, familiportretojn, pentritajn de Rubens, desegnaĵojn de la plej famaj artistoj (Rubens, De Vos, Quellin k.a.) kaj krom tio la vizitanto estas plej intime reportata en la atmosferon de la Humanisma epoko.

Multaj anguletoj en la malnova urbparta sugestias tiun pasintecon. Oni vidu la malnovan kastelon *Steen*, la vastan Buĉisthalon , la Gildodomojn sur la Granda Placo, la riĉan urbdomon en la stilo de la frua renesanco, la pompan fasadon de la S-ta Karolo preĝejo laŭ desegnaĵo de Rubens kaj ties luksan domegon. Flanke de ili — kaj tio estas la ĉiama allogo de Antverpeno — freŝe kaj maltimeme etendiĝas la modernaj kvartaloj kun sia vivo monduma. La muzikamantoj disponas je du operejoj, flandra kaj franca.

La febra labor-vivo ĉe la haveno altiras ĉiam la fremdulojn. Ĉe la Skeldo sentiĝas la pulsbato de la komerca vivo de la tuta lando. Sur la terasoj, promenejoj laŭlonge de la Skeldo oni ĝuas belan vidaĵon sur la larĝa riverego.

Unu el la plej ŝatindaj kvalitoj de Antverpeno estas ĝia amo al la floroj kaj verdaĵo. La urbo estas dissemita de kolorriĉaj florbedoj. Diversaj parkoj kaj unika zoologia ĝardeno refreŝigas dum la somero.

Antverpeno estas tia urbo, luksa kaj tamen sincere intima, fervore laborema sed pace trankvila, en kiu ĉiu fremdulo sentas iom de sia propra hejma atmosfero kaj pri kiu li diras: « ĉi tie mi povus starigi mian tendon ! » La fremduloj kiuj venas en la urbon de l'Reĝino de la Skeldo sendube ne havos alian impreson, pravigantaj la laŭdajn vortojn de Guicciardini, Vondel, Dürer, Schiller, Hugo kaj multas aliaj.



Domo de Rubens. Interna korto.

*Tyneverum.*

 LINGVAJ STUDOJ 

# La Limoj de Esperanto

Estas banale ĉe ni samideanoj, diskutadi diversajn aspektojn de la praktika utileco de la lingvo internacia. Ĉiu spertulo scias, ke ĝia uzebleco sur ĝia propra kampego estas tuja kaj senkondiĉa — ke oni nenion devas atendi, nenion riski, sed ke Esperanto staras « preta servi », kie ajn oni bezonas lingvon internacian. Ĝia venko *interna*, por tiel diri, estas jam plena. Ĝia venko *ekstera*, kompreneble, atingiĝos nur kiam ĝi estos instruata ĝenerale tra la elementaj lernejoj de la mondo. Ĉi tiu finalo estos *superlativo*, kio, cetere (kiel ajn grava kiel idealo), neniom senvalorigas la *pozitivon* da konkretaj aktivoj en la konto de la nunaj Esperantistoj, nek la *komparativon* da rezultoj kontraŭ oferoj de tempo, penoj kaj mono super ĉiuj lingvoj naciaj. Tamen ŝajnas neeble, en plena senco taksi la benojn de l'internacia helpa idiomo, ne determininte klare ĝiajn limojn ambaŭ, kiel ideo kaj kiel esprimilo. Regas tiurilate multa vulgara konfuzo, ne nur ĉe la publiko ĝenerala, sed eĉ inter la Esperantistoj mem.

Antaŭ ĉio, Esperanto konkuras neniel kaj por nenio ajn kun la lingvoj naciaj. Ĝi ja ludas rolon ĝuste la malan. Jam la epiteto « helpa », kutime al ĝi alligata, rajtigas supozi ĝian celon absoluta akcelado de la naciaj idiomoj — kion ĝi atingas liberigante ĉi tiujn je la distordoj, kiuj sekvas ilian uzadon ĉe aferoj, por kiuj ili esence ne taŭgas. Esperanto estas malamiko de la fuŝangla lingvo de Ĥinujo, la fuŝfranca de Levanto, la fuŝportugala de Kongo. Ĝi volas konservigi la purecon de la diversaj hejmlingvoj intermetante sin bufre inter iliaj kolizioj. Nenion tiom malmulte revas praktika Esperantisto, ol lingvon « universalan », por elpuŝi ĉiujn ekzistantajn esprimilojn. Li ja klopodas senmotivigi ĉian sopiradon, estas amiko de la fieraj lingvetoj-patriotoj, ekzemple irlanda, kimra, flandra kaj kataluna. Ĉiu raso, ĝi diras, ŝipu majeste sur sia propra lingva rivero, neĝenate de fremdaj enfluoj kaj superakvoj, por kiuj lastaj Esperanto liveras la savkolektujon.

Alimetafore, Esperanto ne destiniĝis por hejmsidado. Kun la sola escepto de konversaciaj ekzerciĝoj en efektivaj klasoj, mi ne aprobas uzadi internacian inter la parolantoj de komuna lingvo gepatra. Jen pro du ĉefaj motivoj :

Unue, tio emas doni malveran ideon pri la celo de nia movado al publiko jam antaŭe tro nescianta. Ĉiam kvazaŭ hontigas min, kiam mi ricevas de anglalingva Esperantisto leteron adresitan al « *S-ro* » Scott anstataŭ « Mr. ». La korespondanto sendube opinias reklami Esperanton tiel farante. Sed fakte li falsprezentas nian movadon al ĉiu poŝtisto, leganta la adreson, kaj al ĉiu vizitanto, kiu vidus la leteron sur mia tablo.

La dua ĉefmotivo kontraŭ uzado de Esperanto (krom la unu escepto supre dirita) inter homoj komunparolaj estas tio, ke ĝi iom emas disrompi la lingvon en dialektojn, laŭ la respektivaj apartaĵoj de la diversaj lingvaj teritorioj. Jen tezo, pruve de kiu mi ricevadis tra la jaroj multege da dokumenta atestaĵo. Mi konas certajn bonegajn samideanojn de Usono, kiuj persistas korespondadi hejme per la kara lingvo, kaj senescepte ilia stilo estas pli-malpli aglomeraĵo da anglaj idiotismoj, nepre enigmaj aŭ nekompreneblaj por la alilandulo. Jen la natura sekvo de tia procedo. Kiam la samlingvuloj skribas inter si Esperante, ili senkonscie enmiksas parolturnojn el la gepatra idiomo, sen io ajn por kontroli la erarojn ; ĉar ĉiam la adresato komprenas ĉion malgraŭ la eraroj kaj ekzistas nenia praktika neceso por plibonigi la stilon. Sed kiam la lingvo internacia uziĝas *laŭcele*, inter malsamlingvuloj, sekvas rezultoj ĝuste kontraŭaj : ekzistas plena kaj konstanta kontrolo pri ĉia tendenco dialekten. Ĉar kiam ajn skribanto transliterumas hejman idiotismon, li pli-malpli ekzilas sin el la kompreno de siaj korespondantoj, kaj pro praktika neceso li devos korekti sin pli aŭ malpli baldaŭ.

Sen eĉ sur la eksterhejma kampo, por kiu Esperanto kreiĝis, ekzistas kelkaj prudentaj esceptoj kontraŭ ĝia uzado. Ekzemple en la regno muzika staras terminaro jam universale fortikiĝinta longe antaŭ la ekapero de Esperanto, kaj estus superflue elpuŝi la lingvon italan, kiel uzatan por instrukcioj en muzikaĵoj. La muzikistoj tra la tuta mondo ĉiuokaze devas ellerni tiun italan terminaron, kaj ĝin ellerninte, ili interkompreniĝas ĝis tioma grado : kaj senutile estus, se Esperanto tuŝus iel ajn tiajn teknikajn esprimojn kiel *andante, crescendo, sforzando* k.t.p. Tradukoj kiel « nerapide, fortigante » k.t.p. estas aŭ superfluaj aŭ neprecizaj, dum transliterumoj kiel « kreŝende, sforcande » estas ambaŭ, superfluaj kaj absurdaj.

Laste, el la konstato, ke la lingvo internacia ne destiniĝis por la doma vivo de la popoloj tuj fluas la konkludo, ke ĝi ne estas la normala pero por slango, dialektaĵo aŭ poezio. Sendube la plej multaj samideanoj konfesos, ke la necesego de ĉieegala komprenebleco sur la kampo internacia malebligas la evoluon de slango kaj dialektaĵo. Sed ne malmultaj Esperantistoj verŝajne kontraŭargumentos pri la afero de la poezio. Mi ja bone scias, ke multe da poezio oni provis internacilingve, kaj mi konfesas, ke kelkaj el tiuj provoj trafis sukceson. Sed mi asertas, ke ĉiam tia sukceso venis *malgraŭ la esenca strukturo de la lingvo*, kaj tiaj provoj formas riskoplenan kaj tute senbezonan konkuradon kun la gepatraj idiomoj interne de ilia natura medio. Niaj hejmaj lingvoj estas la natura pero por esprimi la artismajn sentojn. Al ili la poetoj sin turnas instinkte. La unuaj literaturoj de ĉiuj rasaj lingvoj estas poezio. La natura parolilo taŭgas por poezio tial, ke ĝi kvazaŭ modeliĝis el poezio. Ĝuste ĝiaj neregulaĵoj donas al ĝi la pikantecon necesegan por versoj. Ne tiel kun Esperanto. Ĝi naskiĝis el la scienco. Ĝuste la ecoj, kiuj faras ĝin ideala praktika komunikilo — ĝia unu-

formeco de vortofinaĵoj, ĝia relativa manko de idiotismoj, ĝiaj nemultaj radikoj kaj travideblaj kunmetaĵoj — kontraŭbatalas nepre ĝian uzadon sur kampo, kie la severa racio dormas kaj la sentoj senrege ludas.

Esperanto kreiĝis por internacie esprimadi la *pensojn*, kion certigas ĝian dismembriga konstruo. Pri la *maniero* de ilia esprimado, ĉu estetike (kiel ĉe poezio), aŭ logike (kiel ĉe prozo), la lingvo arta inklinas esence al la logiko, kiel konvena esprimilo estas la prozo. Por la praktikaj Esperantistoj, kiel por la praktika mondo, la estetikeco (aŭ ne) de Esperanto estas afero pure indiferenta. Por ĉi tio lasta sufiĉegas la lingvoj populaj.

*Herbert M. Scott*, L. K.

*(Noto de la Red.)* — Tre interesaj estas la rimarkoj de S-ro Herbert M. Scott, eĉ por tiuj legantoj, kiuj ne plene konsentos kun li pri ĉiuj punktoj.

Uzo de Esperanto inter samlingvanoj estas efektive superflua kaj eĉ danĝera krom la escepto de ekzercaj okazoj... kaj de la esperanto-kunvenoj, kie la uzo de la enlanda lingvo forigus la « atmosferon ».

Pri poezio estas tute vere, ke ekzistas multo senvalora en Esperanto. Cetere tute same en naciaj lingvoj. Tamen verkoj de poetoj kiel ekzemple Julio Baghy pruvis ke ankaŭ sentoj povas esprimiĝi forte per Esperanto, ne nur ideoj logikaj. Lingvo, kiu ne kapablus esprimi sentojn, ne taŭgus eĉ inter popoloj, ĉar la homoj sentas multe pli ol ili pensas. La tuta homarana tendenco, kiu inspiris Zamenhof, estas fakte pli interna *sento* ol interna *ideo* kaj ĝi bezonas poezion por esprimiĝi kaj disvastiĝi tra la mondo tute same kiel la naciaj sentoj dum pasintaj centjaroj.

Ekzistas per la esperantaj sufiksoj grandaj trezoroj de *senta* esprimado. Vidu *e g* aŭ *e m* aŭ *a-ĉ*. Ili ne ĉiuj limiĝas al akurata rilato kiel *ing* aŭ *ebl*. Kiuj spertis publikan parolarton en Esperanto krom en propra aŭ fremdaj lingvoj, tiuj scias kiom da riĉaĵoj troviĝas en la Esperanta klavaro por esprimi sentojn. En nacia lingvo vi ripetas aŭ serĉas en tirkestoj la taŭgan uzatan esprimilon, en Esperanto vi ĝin faras mem rekte sub la influo de la sento.

En Usono Esperanto estas ĉefe skriba lingvo. En Eŭropo ĝi estas ĉefe parolata. El tio venas ioma diverseco de juĝoj, speciale pri « estetiko ».

*Edm. P.*

## INFORMA BULTENO Nº 3.

**Kotizo :** 35 Belgojn. — Por infanoj ne pli aĝaj ol 14 jaroj: 5 Belgojn. — Por blinduloj, la partopreno estas senpaga.

**Pagoj:** Ni tre insistas por ke oni kiel eble plej multe pagu per poŝtĉeka servo aŭ per poŝtmandato.

**Donacoj:** Ĝis nun ricevita sumo: bfr. 282,50 (Belgojn 56,50).

**Blindula Kaso:** Ĝis nun ricevita sumo: bfr. 115,00 (Belgojn 23,00).

**Subvencio:** La Urbestraro de Antverpeno decidis doni al la L.K.K. subvencion de bfr. 12.500 (Belgojn 2,500).

**Fakaj kunsidoj:** Anoncis sin ankoraŭ por organizo de fakaj kunsidoj.

**Bahaanoj:** Aranĝanto: S-ro Vuk Echtner, c/o Brukner's, Havlíčkova nam., 24, Praha II (Ĉeĥoslovakujo).

**Blinduloj:** Aranĝanto: S-ro V. Hendricx, Ruststraat, 52, Ukkel-Bruselo (Belgujo).

**Farmaciistoj:** Aranĝanto: S-ro Oscar Van Schoor, Vondelstraat, 20, Antverpeno.

**Framasonoj:** Interesiĝantoj pri ebla kunsido sin turnu al « Framasona Kunsido » laŭ adreso: L.K.K. 11, Kleine Hondstraat, Antverpeno.

**Juristoj:** Aranĝanto: S-ro D-ro Liebeck, ĝenerala sekr. de « Internacia Societo de la Esper. Juristoj » Spittelmarkt, 11, Berlin S. W. 19.

**Policanoj:** Aranĝanto: Antverpena Polica Grupo Esperantista, sekretario: S-ro G. Zwaenepoel, Gildekamerstraat, 9, Antverpeno.

**Presa Ligo Tutmonda:** (jurnalistoj, redaktoroj, gazetfakuloj), nun en preparo kaj oficiale fondota dum la kongreso. Aranĝanto: S-ro H. J. Hoen, Unter Goldschmied 17, Koeln/R. (Germanujo).

**Loĝado:** Mendiloj estos baldaŭ dissendataj al la aliĝintoj.

**Kongres insigno:** Ni ricevis unu projekton. Lasta templimo estas la 15-a de Majo 1928.

**Pasportvizo:** Vidu Bultenon 2.

**Somera universitato:** La nunjara temo de la Somera Universitato estos « La Maro kaj la Navigacio », kun prelegoj pri navigacio ĝenerala, internacia mara juro, hidrografio, internacia komerco en rilato kun la maro, ŝipkonstruado) k. C. — Ni esperas pri la partopreno de diversnaciaj prelegantoj. Interesiĝantoj sin turnu al I. C. K., 12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando).

**Fervojo:** Kune kun la proksima bulteno ni dissendos la kartojn rajtigantajn akiri la rabaton de 35 p. c. sur la belgaj fervojoj.

Por la kongresanoj kiuj deziros vojaĝi kelkan tempon en Belgujo; ekzistas ĝeneralaj abonkartoj por ĉiuj fervojoj en Belgujo:

1. Abono de 5 tago: 2-a klaso, fr. 200 (Belgojn 40); 3-a klaso, fr. 110 (Belgojn 22); 2. Abono de 15 tagoj: 2-a klaso, fr. 350 (Belgojn 70); 3-a klaso, fr. 200 (Belgojn 40). Tiujn abonojn oni povas mendi ĉe kiu ajn belga stacio, kunsendante 2 portretojn ĉ 4 × 4 cm.

**Programo:** La organiza komitato antaŭvidas kelkajn ŝanĝojn en la publikigita provizora programo. Pli malpli definitiva programo povos aperi en la numero Majo aŭ Junio de « Belga Esperantisto ».

**Ekskurso al Bruselo:** La ekskurso okazos la lastan tagon de la kongreso, Sabaton, la 11-an de Aŭgusto. Tiamaniere la kongresanoj povos el la ĉefurbo reveturi hejmen aŭ komenci si an postkongresan vojaĝon. La vojaĝbileto de Antverpeno al Bruselo estos senepaga en 3-a klaso.

**Kongresa festeno:** La kongresa okazos en Bruselo, la 11-an de Aŭgusto, je tagmezo. La prezo estos: bfr. (Belgojn 8,00).

**Oficialaj kunvenoj:** Pri ĉio kio koncernas la tagordon de la oficialaj kunvenoj oni bonvolu senpere skribi al « Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado », 12, Boul. du Théâtre, Genève (Svislando).

31 Marto 1928.

**Loka Organiza Komitato,**
11, Kleine Hondstraat, Antverpeno.

# En kelkaj linioj...

— Esperantista Komitato, Poŝtovij jaŝĉik 82, Rostov na Donu USSR petas samideanojn iam loĝintajn en Norda Kaŭkazo konigi siajn esp. rememorojn por kompili historion de esperantista movado en tiu-ĉi regiono.

— XVa Nacia Esp. Kongreso Bulgara, en Vratza, petas alsendon de specimenoj de esp. gazetoj kaj presaĵoj por aranĝota ekspozicio.

— Lau iniciato de la Verona Esperantista Asocio eldoniĝis la Laborĉarto de la Itala popolo. Tiun dokumenton oni dissendis al ĉiuj Delegitoj de UEA. Interesuloj povas ricevi plurajn ekzemplerojn sendante la afrakon (unu liro aŭ respondkuponon de UEA) aŭ nacian PM neuzitan. Adreso : Associazione Esperantista Veronese, Via G. Memeli 2, Verona (Itlaiio).

— Diverslandaj konatuloj fondis internacian asocion kaj organizas kongreson okazontan en Kopenhago la 1. Julio 1928 (angle, france, germane kaj esperante). Ili celas studi demandojn pri edzecleĝoj, pozicio de la virino en homa societo, naskoj, eŭgeniko, protekto al senedzaj patrinoj, batalado kontraŭ prostitucio kaj seksaj malsanoj, higienaj kondiĉoj de edziĝo, k.t.p.

Pri ĉiuj informoj, korespondas esperante S-ro J. H. Leunbach, Stockholmsgade 39, Laege, Kopenhago. La fondintoj de la Asocio estas : Auguste Forel, Yvorne ; Havelock Ellis, London ; Magnus Hirschfeld, Berlin ; Margaret Sanger, New York ; Victor Marguerite, Paris ; Aldo Mieli, Roma ; Rudolf Goldscheid, Wien ; Dr. Bondy, Praha ; Prof. Herman Lundborg, Upsala ; Pasche-Oserski, Kiew ; Asnaurow-Humahnaca, Argentino ; Dr. Prissmann, Riga ; Dr. Norman Haire, London ; Dr. Rohleder, Leipzig ; Prof. William Robinson, Paris ; Else Jerusalem, Buenos Aires ; Prof. Dührssen, Berlin ; Dr. Batkis, Moskwa ; Dr. Benjamin, New York ; Dr. K. Kaŭtsky, Wien ; Merrit Hawkes, Birmingham. Laboranta Komitato : Maria k. Paul Krische, Berlin ; Hertha k. Walter Riese, Frankfurt am Main ; J. H. Leunbach, Kopenhago.

— Jurnalistoj, redaktoroj, verkistoj ! Aliĝu al la Tutmonda Presa Ligo ! Ĉi tiu volas kunigi la presfakulojn de la tuta mondo, por gardi iliajn profesiajn interesojn, subteni unu la alian per reciprokaj informoj, interŝanĝoj de opinioj kaj per perado de publikigaĵoj en la eksterlando.

La Ligo fondos Presan Servon en la mondlingvo Esperanto, por peradi al la kolegoj valoran gazetmaterialon kaj volas servi per tio al la alproksimiĝo de la popoloj. Aliĝu al la Presa Ligo kaj adresu vin al : « Tutmonda Presa Ligo », F. W. Mischke, redaktoro, Radeberg Sa. Germanujo.

— En Köln am Rhein okazos de majo ĝis oktobro internacia ekspozicio pri gazetaro « Pressa ». Loka komitato intencis starigi kioskon de Esperanto antaŭ la « Domo de la Nacioj » kaj alvokis la tutmondan esperantistaron por financa helpo. Ĉar la alvenintaj sumetoj tute ne sufiĉas por starigi konvenan kioskon, ni devas limigi nin je elmeto de nia gazetaro en la granda legocambro kaj disdono de propagandiloj en diversaj lingvoj. Ni do insiste petas subteni nian celon per mono, propagandiloj kaj rajtigiloj, por anstataŭi vin en la plej diversaj kongresoj

Adreso : H. J. Hoen, Sekretario de l'Esperanto-kartelo, Unter Goldschmied 17, Köln a. Rh., German.

— La Sciigo direktiĝas al eldonistoj kaj aŭtoroj, kaj celas ilian profiton kaj valoran propagandon por Esperanto. La plej konata kaj multlegata speciala recenz-revuo « Boekzaal der geheele wereld » t.e. « Libro-salonego de la tuta mondo » (27:19 1/2, ilustrita) akcep-




*La membraro de la Klubo de Tramistoj-Esperantistoj en Hago.*
La bildo estas farita en la vagon-remizo. Oni rimarkas sur la uniformo la specialajn insignojn oficialajn de tramistoj, parolantaj esperanton.



*Kurso de Esperanto al svedaj parlamentanoj de Riksdag.*
En la fono S-ro Pastro *Ce,* konsilanto de I. C. K., kaj S-ro *Eriksson,* korespondanto de I. C. K.

tis regule aperigi recenzojn pri Esperanto eldonoj. Eldonistoj kaj aŭtoroj do plej bone sendu librojn recenzotajn al la Redakcio de « Boekzaal der geheele wereld », Industriestraat 1, Tilburg (Holland), kiu trasendos ilin al subskribonto recenzisto, membro de ekzamena Komitato, « Ĉefestrarano de Nederlanda Katoliko », kunlaboranto al la revuo de la sama nomo, konsulo de I.K.U.E., membro-abonanto de UEA.

Pastro Callixtus Preller O. P.
Broerskerk, Nijmegen (Holland).



# Universala Esperanto-Asocio

Centra Oficejo: 12 Bd. du Théâtre, Genève, Svis.

## Oficiala Informilo

Jaro 1928, N-ro 6.

*Elekto de la Komitato.* — (Ofica periodo 1928-1930).

La rezultato de la voĉdonado estas jena :

Voĉdonrajtaj personoj : 1899. Voĉdoniloj senditaj : 2322.

Alvenis ĝis 17 Marto 1928, 1045 kovertoj kiuj enhavis 1926 voĉdonilojn.

La statuto Art. 56 diras : Proponoj kaj elektoj estas akceptitaj se jesis pli ol la duono de la alvenintaj voĉoj, ne kalkulinte la malplenajn aŭ neklarajn bultenojn. Sekve la necesa plimulto estas : 545, nome 974 valoraj kaj 115 kun modifoj, sume 1089 kiel tuto de alvenintaj voĉoj varolantaj.

La rezultato :

| Nomo | Nombro de voĉoj | Nomo | Nombro de voĉoj |
|---|---|---|---|
| S-ro Blaise | 1074 | S-ro Minkov | 1076 |
| S-ino Blicher | 1077 | S-ro Parrish | 1075 |
| S-ro Bouvier | 1079 | S-ro Petiau | 1076 |
| S-ro Bujwid | 1088 | S-ro Piño | 1081 |
| S-ro Dietterle | 1088 | S-ro Poncet | 1084 |
| S-ro Génermont | 1074 | S-ro Privat | 1076 |
| S-ro Hromada | 1082 | S-ro Rockmann | 1085 |
| S-ro Isbrücker | 1076 | S-ro Setälä | 1084 |
| S-ro Jansson | 1084 | S-ro Sos | 1066 |
| S-ro Karsch | 1075 | S-ro Scholze | 1073 |
| S-ro Maruzzi | 1077 | S-ro Tellini | 1085 |

Sekve la komitato estas elektita kun granda plimulto. La ŝanĝoj rilatas al 115 voĉdoniloj. Estis proponataj 61 personoj et kiu 38 po unu voĉo kaj unu proponito kun 30 voĉoj. Konforme al la art. 56 de la statuto ni deklaras la supre nomitajn personojn kiel komitaton de UEA

Genève, 21 Marto 1928.

*Hans Jakob*,
direktoro de UEA.

La kontrolintaj membroj :

*Robert Kreuz.* F-ino *J. Damon-Pichat.* *Petro Stojan.*

# Novaj Delegitoj

**Nadworna** (Pollando). D.: S-ro Romano Wulczek, Kasa Chorych.
**Nagymaros** (Hungarujo) D.: D-ro József Takács, dentkuracisto, Fötér. 1.
**Neunkirchen** (Saar). VD.: S-ro Walter Anschütz, Schlossstrasse, 30.
**Nieuwe-Schans** (Ned., Groningen). D.: S-ro Pieter Korte, Drieborg.
**Pebane** (Portug. Afriko). D.: D-ro Manuel da Costa Monteiro, kuracisto.
**Port-Said** (Egipto). D.: S-ro Abdel-Malek Hamza. Customs House; VD.: S-ro Georgo Hadad, ĉe Banque Ottomane; D. por komerco, S-ro Fahim Harfuŝ, firmo Mouch bahani frères.
**Rethel** (Franc., Ardennes). D.: S-ro Antoine Bourguignon, inĝ.
**Roethenbach** b. Lengenfeld (Germanujo, Sa.). D.: S-ro Ernst Schimpf instruisto.
**Ronse** (Belg. Flandre). D.: S-ro de Boes, Wijnstraat, 31.
**Seoul** (Japanujo, Korea). D.: S-ro Soktaj Ĉang, Ĉung-Ang-liceo, 1, Kjedong.
**Sundsval** (Svedlando). VD.: S-ro Gustav Edvard Björkstrand, Bergsgatan, 106.
**Ŝiauliai** (Litovujo). D.: S-ro Jakovo Zmudskis, poste restante.
**Tobata-shi** (Japanujo, Kiuŝu). S-ro Michibar Hayashi, Takami-machi 2-5543.
**Velky Bor** (Ĉ. S R.). D.: S-ro Josef Polena, Velky Bor ap. Horazedovice.
**Villach** (Aŭstrio). VD.: S-ro Oskar Elbel, Litzelhofenstrasse, 8; VD.: S-ro Franz Watzinger, Widmanng, 27.
**Villafranca** (Italujo, Verona). D.: S-ro Attilio Zago, Via della Pace, 2.
**Villejuif** (Franc., Seine). D.: S-ro Louis Germain Avid, 33, Villa des Bruyères.
**Wadowice** (Pollando). D.: S-ro Jósefo Plonka, gimnazio.
**Weissenkirchen** i. d. Wachaŭ (Aŭstrio). D.: S-ro Hans Schwieger, 12.
**Zeulenroda** (Germanujo, Thür). S-ro Arno Paŭl, Greizerstrasse, 73.
**Zwettl** (Aŭstrio). D.: S-ro P. Raymaldus Schmalbaŭg, pastro, Stift; VD.: S-ro Alois Berndl, Stift.

**La supraj elektoj fariĝos valoraj se ĝis 30 tagoj post la unua publikigo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D. kaj VD. agas provizore.**

**ŜANĜOJ :**
**Bern** (Svislando). D.: S-ro K. M. Liniger, Gesellschaftstrasse, 19; VD.: F-ino Rosalia Luisa Beyeler, Waisenhausstrasse, 78.
**Bochum** (Germanujo). VD.: S-ro Bruno Kuberski, Thomasstrasse, 12.
**Cordoba** (Hispanujo). VD.: S-ro Juan Serrano Olmo, Doce Ocubre 6.
**Danzig** (Liberurbo). D.: S-ro Bernh. Aeltermann, Posadowskyweg, 61.
**Firminy** (Franc.). D.: S-ro Adrien Jean Testud, 24, rue de l'Ecole Patrique.

En la jenaj lokoj provizore ne plu estas delegito: Beppu, Japan; Bilkoy, Pollando; Blaricum, Nederlando; Halifax, Kanado; Halmagiu, Rumanio; Helleran, Germanio; Jeffersonville, Usono; Menado, Ned. Indie; Moebaze, Portug. Afriko; Ora, Italio; Parchim, Germanio; Relizane, Alĝerio; Saigon, Koŝinĉinio; Seifen, Ĉ. S. R.; Tricesimo, Italio.

Genève, 25 Marto 1928 **Hans Jacob**, Direktoro de UEA.

*Eksiĝo de la prezidanto.* — La komitato decidis malakcepti la eksiĝon de la prezidanto, kiu havis neniun respondecon pri la landnoma afero kaj konstante pledis por respekto al la Zamenhofa Fundamento per toleremo ĉe Akademio kaj cedemo ĉe UEA.

*Landnomoj.* — La komitato de UEA decidis uzi de nun en oficialaj dokumentoj la landnomojn rekomendatajn de la Akademio per ĝia respondo al la peto de nia prezidanto de la 27-a de Januaro 1928. Antaŭe UEA bonafide bazis sian uzadon sur la vortoj de Prof. Cart : « Oni rajtas diri internacie Germanio, Italio, kaj ne povas nei ke la rajton vi havas laŭ artikolo 15 de la Zamenhofa Fundamento, sed ne Svisio, Britio, k.t.p. kiuj estas nek internaciaj, nek pravigeblaj. »

Nun la Akademio decidis forigi el la « Klasika Libro » ankaŭ la noton pri artikolo 15 kaj sekve nuligi la tolereman vidpunkton de l'antaŭmilita prezidanto de l'Akademio, sur kiu Hodler bazis sian provon.

Se la Akademio estus doninta sian nunan oficialan liston en 1924, kiam la Viena kongreso ĝin petis, ni estus evintintaj 4 jarojn da polemiko.

# Bibliografia Servo de UEA

(Internacia Vortaro)

Jam delonge oni esprimas deziron havi vere internacian vortaron de nia lingvo, kiu povus servi kiel unuigilo por ĉiuj naciaj vortaristoj, kiuj ĝis nun sekvis jen francajn, jen germanajn, jen anglajn modelojn. La esperanto-esperantaj vortaroj de Kabe kaj Boirac ne respondas plu al tiu bezono de Esperantistaro. Unue ili malnoviĝis, ja dudek jaroj forpasis post la komenco de ilia ellaborado. Due, ili reprezentas francan influon : Kabe verkis sian vortaron sur la bazo de « Petit Larousse », Boirac entenas francan paralelan tradukon. Gravaj akirajoj de nia lingvo dum lastaj 20 jaroj mankas en tiuj du verkoj, solaj provoj de internacia vortlibro de Esperanto.

La Bibliografia Servo nun preparas planon de tia *internacia vortaro*. Ĝi estos verko kolektiva — rezulto de diversnacia kunlaboro, kooperado de okcidentaj kaj de orientaj, de eŭropaj kaj neeŭropaj spertuloj en Esperanto. La gvidado de tiu laboro estas nun en la manoj de fakulo, aŭtoro de pluraj vortaroj, kunlaborinto de Boirac, kiu jam dum ok jaroj preparas la materialon, komparas oficialajn aldonojn, iliajn naciajn tradukojn kun la vortsignifoj uzataj en la praktika lingvo; vasta biblioteko de UEA kun ĉiuj naciaj, fakaj vortaroj kaj terminaroj, estos je la dispono de la komitato kiu laboros por la nova internacia vortaro de Esperanto.

Por eviti duoblan laboron, perdon de fortoj en nia movado, ni invitas ĉiujn bonvolajn vortaristojn, spertulojn, aliĝi al nia entrepreno, kiu nun estas organizata por la internacia kontrolo de la jam preta materialo. Ni estas kunigontaj plej spertajn fakulojn por tiu laboro, sed ankaŭ ĉiu memvola kunlaboronto nun povas aliĝi, por fari tiun parton de la kolektiva verko kiu respondos al liaj fortoj kaj emoj. La helpo de pli ol 50 diversnaciaj fakuloj por nia « Bibliografio de Mondlingvo » jam pruvis kiom utila, fruktodona, estas la nova formo de verkado, kiu evitigas subjektivajn erarojn de solpersonaj verkoj.



## LA SERVOJ DE UEA



### INFORMARO.

La servoj de UEA trovas aprobon kaj kontentigon ĉe la tuta membraro. Estas nia nuna klopado plibonigi certajn detalojn kaj ĉefe rapidigi plenumon. Tiu neceso dependas de pliaj sistematigo kaj metodeco atingeblaj per malcentrigo kaj uzo laŭsenca de formuloj. De tempo al tempo ni intencas doni mallongajn informojn pri la funkciado de certaj aranĝoj, evitante tiel korespondadon kaj konigante al pli vasta publiko ĝeneralajn sciindaĵojn.

---

*Bibliografia servo.* — Jam multaj samideanoj uzas la avantaĝon de tiu-ĉi servo demandante informon pri verko esp. aŭ tutmondlingva. Ni rimarku ke simplajn informojn ni principe donas senpage, atendante ke la afrankon oni kunsendu. Sed reserĉojn pri dekoj da objektoj, laŭ malprecize formulita demando, ni ne povas fari. La personaro de la Bibliografia servaro limiĝas je unu oficisto, disponanta por tiaj laboroj nur kelkajn horojn dum semajno.

---

*Eldona servo.* — Ni informas la partoprenantojn al la eldono de kompleta bibliografio de la internacia lingvo ke tiu-ĉi verko pretiĝas kiel manuskripto ĝis fino de majo. Parto jam estas ĉe la presejo kaj se nenio intervenos la libro aperos ĝis la XX-a kongreso. Dum la venonta monato aperos kiel unua verko de tiu-ĉi servo biografio de H. Hodler kun elekto de liaj artikoloj.

---

*Komerca servo.* — Ni informas ke la esp. horloĝo estas definitive fabrikata. Ni akceptas ankoraŭ mendojn La prezo de 50 Frankoj sv. po unu. Kiam ĝi estos preta ni informos per la gazeto.

---

*Tri-Ergon* diskoj estas riceveblaj per la Komerca servo de UEA. Oni petu mendilojn kun klarigoj. — Dissendiĝas dum Aprilo al ĉiuj delegitoj prospekto pri novaj artikloj disvendataj de la Komerca servo. — Ofertoj pri artikloj vendeblaj estu sendataj al UEA, Komerca servo.

---

*Libroservo de UEA.* — Pro teknikaj kaŭzoj kaj trookupiteco de la redaktanto la katalogo kompleta aperos nur dum Majo. Ni dissendos ĝin nur dum venonta aŭtuno. Interesuloj povos ĝin ricevi laŭ peto. Ni rimarkigas, ke pro la altiĝo de la prezoj, la prezoj de la *flava* mendilo (Centra Esp. Librejo) altiĝas je 50 %. Libro kiu ĝis nun kostis 1 franko do valoras nun 1.50. De tiu ĉi sumo oni rajtas depreni la rabaton. — Partoprenas nun preskaŭ ĉiuj eldonistoj tiun servon. Ankaŭ izolaj eldonistoj sin turnis al ni, tiel ke iom post iom ĉiu esp., eldonaĵo estas akirebla per la servo. Peto insista : Uzi ĉiam mendilojn. Se ne disponebla, aranĝi mendon sur folioj apartigante eldoniston pofolie. Nur per metoda aranĝo de la mendoj ni povas rapide prizorgi kaj ĉefe konsenti la rabaton. Ju malpli ni devas skribi, despli rapide ni povos servi.

---

*Servo de respondkuponoj.* — La kajero kun 19 kuponoj kostas 10 frankoj svisaj. (Estas 10 kuponoj po 0.30 ses kuponoj po 0.50 kaj tri po unu franko. Laŭbezone ni povos sendi kuponojn de sama valoro, ekzemple 30 po 0.30 fr.










*Turisma servo.* — Malrapide sed despli certe sukcesas nia klopodo. Al la listo de urboj eldonintaj gvidfolion en Esperanto aldoniĝas *Arnhem* en Nederlando, Banloko Godesberg ĉe Rejno, Saarbrücken.

La nombro de la gvidfolioj eldonitaj sub aŭspicioj de UEA estas nun 14, pluraj gvidfolioj estas en preparo. Ni citas tie-ĉi ankaŭ la eldonon en Esperanto de bela gvidfolio — *Tra Aŭstrio* — eldonita de la Ministerio por komerco kaj Trafiko (Oficejo por Fremdula Trafiko). Eldono 20,000 ekz. Ni memoru, ke antaŭ la milito la Aŭstria Fervoja Administrado eldonis tre belajn gvidlibrojn. Dank' al la klopodoj de ĉiam vigla kaj persistema samideano S-ro Hugo Steiner eldoniĝis tiu nova gvidfolio. Oni povas ĝin ricevi senkoste de la Osterreichisches Verkehrsbureau, Friedrichstrasse 1, Wien I.

La nombro de gvidfolioj eldonitaj ekster la turisma servo de UEA estas 19. Ambaŭ kolektoj sendotaj kontraŭ repago de la afranko : 1 franko sv. (PM akceptataj).

Ni baldaŭ anoncos la naciajn centrojn por starigo de Turisma servo en la landoj interesataj.

**Genève, 15 Marto 1928.** ***Hans Jakob,*** **Direktoro de UEA.**

# Nova Enketo

## Esperanto en lernejo

La eksperimentoj fariĝas sur la bazo de kunlaborado inter « IALA » en New York kaj « Instituto Jean Jacques Rousseau » en Genève.

I. IALA estas la nomo por Amerika Asocio por Internacia Helplingvo (International Auxiliary Language Association in the United States, Incorporated.) Ĝi estas fondita en la jaro 1924 en New York kiel tute neŭtrala asocio, havanta kiel celon la enkondukon de unu helplingvo, kiu estu instruota al la lernantaro en iuj landoj kiel taŭga rimedo por komuna interŝanĝo de pensoj inter personoj de malsamaj gepatraj lingvoj. Tiu celo postulas neŭtralan kaj objektivan esploron de la tuta mondhelplingva situacio. Pro tio la laboroj de IALA etendiĝas sur du ĉefaj kampoj : 1. IALA klopodas interesigi grandajn rondojn por la helplingva movado ; 2. ĝi faras esplorojn sur 3 kampoj : *a)* sociologia, *b)* lingva, *c)* pedagogia kaj eduka.

II. Rilate de la 3-an punkton IALA kunlaboras kun la Instituto J. J. Rousseau en Genève. Ĉi tiu instituto, kunlaboranta kun la universitato de Genève, estas alternejo pri pedagogia kaj edukaj sciencoj, kiu speciale interesiĝis pri infanpsikologio kaj pri eksperimenta pedagogio. Tial ĝi ankaŭ interesiĝis pri la enkonduko de Esperanto en la lernejoj. Serio da konsultoj jam okazis en Genève kaj en New York dum la jaroj 1925-26 inter profesoro P. Bovet, direktoro de la Instituto J. J. Rousseau, kaj reprezentantoj de IALA kaj reprezentantoj de la Instituto de eduka esploro ĉe la « Institute of Educational Research, Teachers College, Columbia University ».

Dum ĉi tiu kunlaborado oni akceptis programon, laŭ kiu oni celas 1. mezuri la progresojn dum lernado de iu helplingvo en lernejaj kursoj, kies instruistoj deziras serioze kunlabori, 2. prepari diversspecajn « testojn » (A.L.-testoj = Auxilary Language tests kaj eksperimentadi sur la bazo de tiuj testoj kun la helpo de la instruistoj, kiuj deziras kunlabori.

IALA kaj la Instituto J. J. Rousseau pro siaj celoj bezonas la kunlaboradon de la reprezentantoj de la diversaj mondhelplingvaj sistemoj kaj esperas, ke ili subtenos energie ĝian laboron.

NI KUNLABORU !

En la supra artikolo pri novaj enketoj kaj eksperimentoj ni atentigas, ke IALA, same kiel la Instituto J. J. Rousseau, bezonas la kunlaboradon de la reprezentantoj de la diversaj mondhelplingvaj sistemoj. Ekzistas neniu kaj nenia kaŭzo, ke ni, esperantistoj, rifuzu tian kunlaboradon. Tute kontraŭe ! Ni ĝoju pri la fakto, ke du tiom gravaj institucioj, kiel IALA kaj Instituto J. J. Rousseau, neŭtrale kaj objektive volas esplori la mondhelplingvan situacion, donante tiamaniere al ni la eblecon, montri sur la vojo de novaj enketoj kaj eksperimentoj, kaj precipe sur la vojo de test-eksperimentoj, la ĝeneralan taŭgecon de nia lingvo kaj precipe ĝian pedagogian kaj edukan valoron.

Multaj el niaj rondoj persone konas sinjorinon Alice V. Morris, kiu tiel simpatie reprezentis IALA-n dum niaj lastaj internaciaj kongresoj kaj ili scias, kiel favora ŝi estas al nia movado. Multaj ankaŭ konas sinjoron profesoron Bovet, kiu de la tempo de la Pedagogia Konferenco en Genève, en la jaro 1922 (aranĝita de la Ĝenerala Sekretariaro de la Ligo de Nacioj) ĉiam tre bone sukcesigis nian aferon. Do, demandite, ĉu la Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko volos kunlabori kun IALA kaj la Instituto J. J. Rousseau, por havigi al ĉi tiuj institucioj la necesan materialon, mi tre volonte konsentis kaj promesis fari ĉion por tia kunlaborado, ĉar mi havas la nepran konvinkon, ke el ĝi ankaŭ rezultiĝos multaj profitoj kaj sukcesoj por la Esperanto-movado.

Mi baldaŭ al la interesuloj — t. c. al la instruistoj kiuj aliĝis al nia movado — pli detale kaj regule raportos pri la laboro farenda. Mi turnas min al ĉiuj instruistoj esperantistaj, precipe ankaŭ al tiuj, kiuj jam instruis Esperanton en lernejoj. Pro tio mi unue petas ĉiujn asociojn, grupojn, k.t.p., ke ili sendu al mi kiel eble plej multajn adresojn de instruistoj ĉiuspecaj, kiuj jam estas esperantistoj aŭ montras iun ajn intereson por niaj lingvo kaj movado.

Per mia laboro mi interalie esperas, povi doni al nia movado la ofte deziritan statistikon por instruistoj kaj lernejoj.

Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko
D-ro *Dietterle.*

*P. R. — La sinteno de la esperantistoj al eksteraj neŭtralaj institucioj estas kaj devas esti tute klara : Se temas pri ia interveno aŭ marĉandado lingva inter mondlingvaj sistemoj ili respondu : NE ! Nia lingvo vivas kaj neniu povas ĝin tuŝi aŭ influi el ekstere. La uzado regas.*

*Se temas pri enketo, dokumentado, senpartia informiĝado por kolekti faktojn, kiel proponas nun D-ro Dietterle, ili respondu: JES ! Akurataj faktoj, statistikoj k.t.p., povas nur helpi al nia sukceso. (Red.)*




## La Dissendoj en Esperanto

de *J. Jungfer-Lübben.*
Membro de la Komisiono por Radio-statistiko komisiita de ICK.

Ĉiu esperantisto havante radio-aparaton certe aŭskultas per granda intereso la Esp. dissendojn de la diversaj radio-sendstacioj. Pli ol 30 eŭropaj radio-sendstacioj dum la pasinta vintro sekvas al la decido de la Lausanna Kongreso kaj starigis regulajn Esp. dissendojn en siaj semajnaj programoj. Sed baldaŭ la plej bona tempo por aŭskulti eksterlandajn sendstaciojn preterpasis, pro tio estas valora, kolekti la spertojn faritajn dum la pasintaj monatoj.

La plej multaj de la sendstacioj, kiuj dissendis en Esperanto estas aŭskulteblaj per simpla radio-aparato. Du lampoj (Audiono kaj unulampa malaltfrekvenca amplifikatoro) sufiĉas por aŭskulti per telefono kaj kvar lampoj alportas la paroladon en laŭtparolilo Nur kelkaj stacioj dissendis je malfavora tempo, ke estis necese uzi aparaton pli fortan aŭ pli selektivan por disigi la stacion de alia najbara. Bedaŭrinde tute ne estis eble aŭskulti kelkajn staciojn iom pli malproksime, ĉar ili interferencas kun alia tro najbara stacio aŭ la energio estis tiel malgranda aŭ la sendstacio dissendis je tia malfavora tempo, ke nur estis eble ricevi ĝin per superheterodino aŭ eĉ kelkfoje — tute ne. Precipe estis malfacile, ricevi tiujn staciojn, kiuj sendis dum taglumo.

La parolado preskaŭ ĉiam estis bone komprenebla, sed estos rekomendinda, se kelkaj parolantoj parolos iom pli malrapide, por ke povas sekvi ankaŭ tiuj esperantistoj, kiuj ne estas specialistoj je

tiu fako. Paroli malrapide, facile komprenebla kaj eviti kiel eble plej longajn kunmetitajn vortojn estas la postulo al la parolantoj. Same oni volas eviti kiel eble plej la legadon de la semajna programo, ĉar tio lacigas. Pro tio mi rekomendas, ne laŭvice legi la programon, sed multe pli atentigi la aŭskultantojn al sufiĉe gravaj dissendoj, aldonante mallongan priskribon ĉu de la temo, ĉu de la parolanto, ĉu de la artistoj. Tasko de la parolantoj estos, larĝigi tiujn ĉi dissendojn tiel, ke ili donas bildon pri la kapableco de la sendstacio, pri ĉiuj gravaj okazoj de la pasinta kaj venonta semajno eĉ ke ili resumas la vivon kaj la progreson de la tuta nacio.

Granda malhelpo por aŭskulti la dissendojn de malproksima sendstacio estas la Fadingo kaj la telegrafaj sendstacioj. La telegrafaj sendstacioj plej ofte nur malhelpas en limigita loko. Sed la Fadingon oni rimarkas ĉiam, se oni aŭskultas sendstacion pli malproksiman ol 200 km. kiu sendas je ondo de 200 — 600 m. La ondoj super 1.000 m. suferas pli malofte je tiu fakto. Bedaŭrinde la Fadingo ĝis nun ne estas evitebla. Pro tio la parolantoj devas konsideri ĉi tiun fakton kaj mencii dufoje gravajn sciigojn, la titolon k.t.p.

Fine mi volas raporti detale pri la diversaj sendstacioj, kiuj dumtempe dissendas en Esperanto. Al la aŭskultantoj mi petas, subteni min kaj sendi korektigon de tiu ĉi resumo. Samtempe mi dankas al ĉiuj samideanoj, kiuj helpis kunmeti la dissendojn en Esperanto, kiuj sendis korektigojn kaj precipe al la parolontaj mem, kiuj bonvole respondis miajn demandojn.

## Esperanta Radio-Programo

La tempo estas tiu de Centra Eŭropo. La tempo de la meridiano de Greenwich estas unu horon pli frue.

(Rim.) Fadingo vorto teknika el angla lingvo signifanta: Malaperemo de la sono kvazaŭ sveno.

### DIMANĈON

09,00. — *Moskvo,* 1450 m. — 1000 km. — Esp. kurso aŭ sciigoj kaj novaĵoj. Pro la taglumo ne tre bone, sed sufiĉas por kompreni.

12,00 aŭ 13,00. — *Ĥarkova,* 477 aŭ 487 m. — Interferencas ŝajne kun tro najbara sendstacio. Pro tio ne ricevebla.

### LUNDON

18,30. — *Kaunas,* 2000 m. — 700 km. — Parolado pri diversaj temoj.

18,50. — *Kaunas.* — Programo de la venonta semajno. Sufiĉe laŭta kaj klara parolado sen Fadingo, sed ofte malhelpata per telegrafa sendstacio. La parolado estas iom rapida kaj malpli rekomendinda por komencantoj.

23,15. — *Bruxelles,* 508,5. — 700 km. — 5 min., programo de la semajno, interferencas plej ofte kun alia tro najbara sendstacio kaj pro tio ne komprenebla.

22,30. — *Moskvo,* 1450 m. — 1000 km. — Parolado pri diversaj temoj, bone komprenebla.

### MARDON

21,30. — *New-York* W. P. C. H., 326 m. — S-ro Amiel, Esp. kurso, 15 min.

22,00. — *Lyons,* 291,3 m. — Esp. kurso.

21,40. — *Falun,* 357,1 m. — 30 m. Esp. instruado por progresintoj. Uzata tekstlibro: « Karlo », de Privat. Adreso: Radio-Klubo, de Falun, Svedujo.

### MERKREDON

20,00. — *Odessa,* 975 aŭ 1000 m. — Esp. instruado kaj informoj. — 1300 km. — Ĝis nun ne ricevita.

23,00. — *Minsk,* 500 m. aŭ 950 m. — Blankrusia Radio-gazeto en Esp., eble lundon.

23,00 aŭ 23,30. — *Bilbao,* 415 aŭ 422,6 m. — Propagando hispane kaj esperante.

### JAŬDON

18,45. — *Vieno,* 517,2 m. — Graz, Klagenfurt, Innsbruck. S-ro W. Smital, 10 min. parolado pri diversaj temoj. Tre laŭta kaj tre klara parolado, 700 km. — S-ro Smital parolas tre malrapide kaj bone kompreneble ankaŭ dum Fadingo ; rekomendinda ankaŭ por komencantoj.

20,00. — *Tallinn,* 408 m. — Informoj pri la kultura kaj ekonomia vivo en Estonio. — 1000 km. Malgraŭ ke la parolanto parolas tre malrapide, nur kelkaj vortoj estas kompreneblaj, ĉar la ondo interferencas kun alia sendstacio kaj estas malhelpata per telegrafa sendstacio. Fadingo malmulte.

20,30. — *Genevo,* 760 m. — Esp. prelego.

21,00. — *Paris,* 458 m. — Esp. kurso.

21,15. — *Paris,* 1750 m. — Malbone komprenebla ĉar iom mallaŭte kaj malhelpata per telegrafa sendstacio. Nenion Fadingo. — 900 km.

23,00. — *Novosibirsk,* 1117 m.

### VENDREDON

19,15. — *Stuttgart,* 379,7 m. — *Freiburg.* — Esp. instruado ĉium duan vendredon.

19,45. — *Stuttgart.* — *Freiburg.* — 10 min., programo de la venonta semajno. Sufiĉe laŭta kaj klara, sed ofte Fadingo tiel, ke multaj partoj ne estas kompreneblaj. — 1000 km. — Prof. Christaller parolas iom rapide. Pro tio malpli konvena por komencantoj.

19,50. — *Zürich,* 588 m. — 10 min. Esp. tradukita artikolo pri grava svisa afero, kiu ankaŭ interesas eksterlandon. — 600 km. — Sufiĉe laŭta sed parte malhelpata per fortega telegrafa sendstacio. La ondo iomete interferencas kun alia tro najbara sendstacio. Fadingo tre malofte.

20,00. — *Zagreb.* — *Agram,* 310 m. — 700 km. — Sufiĉe laŭte sed ofte malhelpata per telegrafa sendstacio. La ondo iomete interferencas, Fadingo tre malofta.

22,15. — *Breslau,* 322,6 m. — *Gleiwitz,* 250 m. — F-ino M. Polier, 10 min. plej ofte temoj pri Silezio. Tre bone komprenebla ankaŭ dum rapide venkanta Fadingo'. — 400 km. — Parolado tre klara kaj ne tro rapide.

### SABATON

17,30. — *Bern,* 411 m. — 30 m. Esp kurso. Dum Decembro kaj Januaro bone komprenebla, sed nuntempe pro taglumo ne tre bone. — 700 km.

18,55. — *Königsberg,* 329,7 m. — *Danzig,* 272,7 m. — 5-10 min. Programo de la venonta semajno. Tre laŭte kaj klare komprenebla. — 500 km. — La laŭteco alternigas treege dum Fadingo.

19,20. — *Kopenhago,* 377 m. — *Kalundborg,* 1153 m. — S-ro Lendorff, 10 m. Programo de la venonta semajno. La sendoj de Kalundborg estas tre bonaj, la sendoj de Kopenhago montras Fadingoaj kaj la ondo kelkfoje interferencas. — 400 km.

20,45. — *Moskvo,* 1450 m. — Programo de la venonta semajno. Pli frue la stacio sendas je 23,30; en mez-eŭropo iom tro malfrue por auskulti.

### ĈIUTAGE

11,45. — *Leipzig,* 365,8 m. — *Dresden,* 275,2 m. — Vetero en Esperanto. Eksterlande pro la taglumo ne tre bone ricevebla.

19,55. — *Königsberg,* 329,7 m. — *Danzig,* 272,7 m. — Anonco de la stacio kaj ondlongeco en Esperanto.

*Gesamideanoj observu la dissendojn en Esperanto, skribu al la sendstacioj viajn opiniojn! Kompletigu ĉisupran Programon kaj sendu korektigojn al S-ro J. Jungfer, Lindenstrasse, 10, Lübben, N-L, Germanio.*

---

## Gesinjoroj ! La radio-stacio . . . . denove sendos post . . . . minutoj.

Bedaŭrinde oni ĝis nun ne aŭdis ĉi tiujn vortojn. Tamen ili estas la postulo del' tago. Ne nur de la Esperantistoj, sed de ĉiu radiisto. Ĉiutage, preskaŭ ĉiuhoro oni aŭdas radio-sendstacion, kies lingvon oni ne komprenas. Neniu scias, ĉu la sendstacio tuj sendas denove, ĉu estas granda paŭzo, aŭ eĉ, ĉu la sendado estas finita. Pro tio, gesamideanoj, helpu ke ĉiu radio-sendstacio anoncu sian nomon, la paŭzon kaj la finon de la sendado per la supre nomitaj vortoj, gesamideanoj, helpu ke la signifo de tiu ĉi vortoj estas konataj al la radiistoj, vi ŝparos al la radiistoj multan ĉagrenon kaj prizorgas bonan propagandilon por Esperanto.

# Niaj mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ro *Johano Schröder*,
pioniro de Esperanto en Aŭstrio.



JOHANO SCHRODER, † 1928.

S-ro *Otto Platauer, Berlino.*



OTTO PLATAUER, † 1928.

Pro manko de spaco la du bildoj ne povis aperi en la Marta numero.

S-ino *Maria Klinger*, edzino de nia sindona delegito kaj ĈD anstataŭanto, por la Ĉeĥoslovaka Respubliko, en Bodenbach-Podmokly, la 25-1-28 pro pleŭrezio.

S-ro *Segismundo Taladriz*, blinda muzikisto, nacia konsulo de UABE, en General Pinto F.C.O. (Argentino), 6-12-27.

S-ro *Manuel Esteban*.. eksprezidanto de Hispana Societo por la propagando de Esperanto, fondinto de esp. grupo en Burgos kaj dum kelkaj jaroj delegito de UEA en tiu-ĉi loko.

S-ro *Jan Haase*, estinta delegito en Horni Ruzodol, Ĉeĥoslovakio, bopatro de nia delegito S-ro Ant. Raz en Beroun.

S-ro *Stanislav Netuka*, fabrikanto, Praha-Smichov, Ĉeĥoslovakio, membro-subtenanto de UEA.

S-ro *Heinrich Schuster*, delegito de UEA en Zwickau, Bohemio, grupestro fervora kaj sindona samideano, 20-1-1928 postlasinta junan edzinon kaj filineton.

S-ro *Remigjusz Meczynski*, delegito de UEA, en Lodz, Polujo, bankprokuristo, pro aŭtomobila akcidento 6-11-1928.

S-ro *Marks Jerzy*, kasisto de la grupo « Espero » en Rozdzien, Polujo, 7-3-1928.

S-ino *Dornbusch*, edzino de nia delegito, en Warwick, Queensland, Aŭstralio.

S-ro *Djoko Todòroviĉ*, patro de nia eks-vicdelegito Konstantin Todoroviĉ, en Novisad, 10--11-1928.

S-ro *Butin*, patrino de nia delegito en Bad Godesberg, S-ro Max Butin, L. K.

## B. E. A. T.

Bankfaka Esperanto-Asocio Tutmonda la 10-1-28 okazigis en Berlin sian unuan jarkunvenon, kiu estis nur formala, ĉar gravaj decidoj estas farotaj nur en speciala kunveno dum la Universaj Kongresoj de Esperanto. La raportoj de prezidanto, sekretario kaj kasisto kontentigis. Konsiderante ke nur malgranda areto 28-12-26 fondis la asocion, la evoluiĝo estas surpriziga, ĉar B.E.A.T. jam nun kavas anaron vivanta en ne malpli ol 16 landoj: Aŭstrio, Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Danmarko, Danzig, Estonio, Franclando, Germanio, Granda Britlando, Hungario, Jugoslavio, Norvegio, Pollando, Portugalo, Suda Afriko kaj Svislando.

Landaj Sekciestroj nun funkcias en 7 landoj, nome: Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Danmarko, Hungario Jugoslavio, Norvegio kaj Pollando.

Por plenumo de la celoj (propagando de E. en bankfakaj rondoj kaj flegado de la banksciencoj pere de E.) oni konstante laboris. Per sufiĉe regulaj sciigoj en bankfakaj gazetoj, la fakuloj estis ripete atentigataj pri E.; en Berlin okazas du kursoj. Jenaj fakparoladoj vekis grandan intereson:

*Graeser:* Orimporto. *Fischer:* Kreditleteroj kaj akreditivoj.
*Kahmann:* La valorpaperkaso.
*Gehring:* La maŝinoj en la banklibrotenado.
*Haberreiter:* Ĉekoj en fremdaj valutoj.

La stelsignitaj estas kopiitaj kaj prunteblaj. Pluaj paroladoj en pli ampleksa formo estas anoncitaj. La peton sendi faktemojn tradukajojn, bedaŭrinde ĝis nun neniu plenumis. La kaŭzo estas pleje, ĉar fakterminaro ankoraŭ mankas. Kun speciala intereso oni observas la laboron de la koncerna komitato en Paris (Delanoue) kaj esperas baldaŭan efektiviĝon.

Rimarkinde estas, ke la korespondado el la centrejo fariĝas pli kaj pli vigla, eĉ kun personoj, kiuj ne apartenas al la fako, sed ĝenerale propagandas kaj volas pli energie ataki la bankfakon.

La kasstato estas bona pro la principo, ne elspezi monon, kiu ne estas je libera dispono. De la kotizoj 90 p. c. ĝuste envenis. La biblioteko de la germana sekcio kreskis konstante kaj atingis 42 librojn kaj libretojn. Aĉetoj estas farataj nur el la kotizplio de la germanaj membroj.

Kontentiga plue estas la efiko de la pruntedono de gazetoj. La plejmulto de la leganto post certa tempo fariĝis direktaj abonantoj.

Okazas intertraktoj kun UEA pri reciproka interesiĝo.

Informoj pri Bankfaka Esperanto-Asocio Tutmonda estas volonte donataj (Güntzelstrasse 31, Berlin-Wilmersdorf, Germanio). *K. F.*

---

## Interŝango de junuloj

Pensante ke la konon de fremdaj lingvoj oni atingas kaj perfektigas per la praktiko, grupo da madridaj esperantistoj, proponas al la gesamideanoj fremdaj kaj hispanaj, la interŝanĝon de junuloj de dek ĝis dekkvin jaroj, celante tiamaniere ke la fremduloj venontaj en Hispanujon lernu hispanan lingvon aŭ perfektigu ĝian konon, kaj ke la hispanaj junuloj elirontaj eksterlanden lernu kaj perfektiĝu en la linvoj de la respektivaj landoj.

Ĉar por ni estas neeble scii la edukajn, instruajn kaj moralajn kondiĉojn el ĉiuj junuloj kiuj intencos utiligi la interŝanĝon, ni faros referenco, al la informoj liveritaj de sinjoroj delegitoj kie loĝos la junuloj interŝanĝotaj.

La interŝanĝon oni faros tiel: alvenos al Hispanujo fremda junulo por loĝi unu aŭ du jarojn en la hejmo de la gepatroj de la hispana junulo, kiu iros dum la sama periodo da tempo al la hejmo de la fremda junulo. Tiel la koncernaj familioj ne perdas, nur interŝanĝas filon: ili sendos unu kaj ricevos alian de la samaj aŭ similaj kondiĉoj.

La esperantistaj familioj kiuj akceptas la ideon, kaj deziras fari proponojn de interŝanĝo, sin povas turni al sinjoro Benigno de Luna Gómez, strato Abascal, N-ro 45-1. Madrid'o (Hispanujo).

*Benigo de Luna. La Suno Hispana.*

## Kongresa Karavano de Rudolf Mosse

### Provizora informo

La karavano estos aranĝata nur por la vojaĝo *al* Antverpeno, el *Köln* kaj la tria el *Stuttgart*. Eventuale formiĝos kvara paro elironta el *Hamburg* aŭ *Bremen*. Ĉiuj partoj kuniĝos en Köln kaj de tie kune daŭrigos la vojaĝon al la kongresurbo. Se estos sufiĉaj partoprenantoj por speciala vagonaro, ni veturigos tian el Köln aŭ eventuale jam el Berlin.

PROGRAMO

*Merkredon, la 1-an de Aŭgusto:*

Antaŭtagmeze aŭ tagmeze: forveturo el Berlin, Stuttgart kaj eventuale el Hamburg aŭ Bremen. Posttagmeze aŭ vespere: alveno en Köln. La precizaj horoj estos sciigataj en Majo post publikiĝo de la someraj veturplanoj.

*Jaŭdon, la 2-an de Aŭgusto:*

Gvidado tra Köln kaj vizito al la granda internacia gazetar-ekspozicio « Pressa ». Noktmeze: forveturo el Köln.

*Vendredon, la 3-an de Aŭgusto:*

Matene: alveno en Antverpeno.

* * *

Por kontentigi kiel eble plej multajn dezirojn kaj por instigi multajn kongresanojn al partopreno en nia karavano, ni eldonos diversajn kategoriojn de kuponaroj. Supozeble ni aranĝos jenajn:

KATEGORIO A

Fervoja veturo al Antverpeno (el Berlin, Köln, Stuttgart kaj eventuale Hamburg aŭ Bremen), kompleta pensiono (loĝejo kaj po tri manĝoj por ok tagoj), kongresa kotizo, tuttaga ekskurso al Bruxelles kaj festeno dum la kongreso.

1. Fervoja veturo en dua klaso kaj pensiono en unuaranga hotelo. Tre pretendemaj personoj povos ricevi pensionon en luksa hotelo (1-a).

2. Fervoja veturo en tria klaso kaj pensiono en duaranga, tamen sufiĉe bona hotelo.

KATEGORIO B

Fervoja veturo al Anverpeno (el Berlin, Köln, Stuttgart, kaj eventuale Hamburg aŭ Bremen) kaj loĝejo kun matenmanĝo por ok tagoj, kongresa kotizo, tuttaga ekskurso al Bruxelles kaj festeno dum la kongreso.

1. Fervoja veturo en dua klaso kaj loĝejo en unuaranga hotelo. Pretendemaj personoj atentu la rimarkigon sub A (1-a).

2. Fervoja veturo en tria klaso kaj loĝejo en duaranga, tamen sufiĉe bona hotelo.

KATEGORIO C

Nur fervoja veturo al Antverpeno (el Berlin, Köln, Stuttgart kaj eventuale Hamburg aŭ Bremen).

1. En dua klaso. — 2. En tria klaso.

La proksimumaj prezoj por la kategorioj estos:
A 1-a: 270 Rm.; A 1: 240 Rm.; A 2: 180 Rm.;
B 1-a: 180 Rm.; B 1: 170 Rm.; B 2: 150 Rm.;
C 1: 50 Rm.; C 2: 35 Rm.

Por partoprenontoj, kiuj komencos la vojaĝon en Köln, la prezoj malpliiĝos je proksimume 35 Rm. por dua klaso kaj 24 Rm. por tria klaso, por tiuj el Stuttgart je proksimume 12 resp. 8 Rm., por tiuj el Hamburg aŭ Bremen je proksimume 8 resp. 5,50 aŭ 16 resp. 11 Rm.

La precizajn prezojn ni konigos en Aprilo aŭ Majo, kiam ni eldonos ankaŭ specialan informilon pri la karavano. La ĉi supre indikitaj prezoj estas la maksimumaj laŭ la nuna stato.

Por karavananoj, kiuj devos tranokti en unu el la elirokoj, ni havigos loĝejojn laŭ deziro.

*Rudolf Mosse*, Esperanto-Fako,
Berlin SW 19, Jerusalemstrasse 46-49.

*Aliĝojn peras la Kongresa Servo de UEA, 12 Boulevard du Théâtre, Genève, Svislando.*

## Oni laŭdas !

— S-ro *Jan Venĉalek*, ano de UEA 18344 en Pribyslav Ĉ S R kore dankas al S-ro *Valentinov* en Moskvo pro farita servo.

— Korajn dankojn al karaj amikoj kaj samideanoj en Frankfurt a/M., Eisenach, Almittweida i/Sa., Praha, Wien, Budapest, Bukuresti, Ruŝĉuk, Varna, Konstantinoplo, Sofia, Fiume, Trieste, Venezia, Verona, Paris, Boulogne, kiuj tiel afable akceptis, akompanis kaj helpis min dum mia vojaĝo tra Eŭropo.

Unufoje pli mi spertis ke « nia granda familia rondo » vere ekzistas, ĉar ĉie mi havis la agrablan senton trovi min tute hejme en Esperantujo. S-ino Matilde J. de Guerra, Tampico, Meksiko.

— S-ro *Pietro Rizzo*, VD de UEA en Messina, Italio, varme dankas al S-ro *Léon Koppelmann*, D de UEA, en Cernauti, Ruman, kaj al lia ĝentila edzino pro sindona grava helpo en la serĉado de analfabeta terkulturisto, malaperinta dum la milito en Bukovino kaj retrovita dank' al la klopodoj de la Del. de UEA.

— S-ro *Gottfried Schwarz*, ĉeflerneja instruisto, Eggenberg apud Graz, tre dankas al S-ro D-ro *Carlos Dominguez*, Delegito de UEA en Rio de Janeiro, pro oferema kaj sukcesplena serĉado de aŭstria elmigrinto en Brazilo.

— S-ro*R. A. Ceck*, Del. de UEA, en Vieno, kore dankas S-ron *J. Vecsey*, Vicdel. de UEA, en Novisad, pro donitaj informoj pri faklibroj de vitraĵistoj.

— S-ro *M. Grigorjev*, Del. de UEA, en Ellamaa, Estonio, sincere dankas al F-ino *Eugenio Paŝtejn*, en Varsovio; S-ron *A. Libers*, en Riga ; S-ron *K. Gerŝater*, Del. de UEA, en Wilno, kaj Ge-sroj *Laukkanen* VD en Helsinki,, pro zorgema plenumo de servopeto koncerne reserĉon de malaperintaj personoj.

— *Ernesto E. Guerra*, Del. de UEA, en Tampico, Mexico, esprimas siajn dankojn al ĉiuj siaj geamikoj kaj renkontitaj gesamideanoj en Novjorko, Londono, Manchestero, Glasgowo, Sheffieldo, Liverpoolo, Parizo, Boulogne-sur-Maro, Mulhouse, Strasburgo, Lyono, Dijono, Berno, Baselo, Schaffhouse, La Chaux de Fonds, Zuricho, Luzerno, Ĝenevo, Bruselo, Antverpeno, Berlino, Prago, Zateco, Vieno, Budapesto, Gyongyos, Zagrebo, Baĉka Palanko, Subotico, Firenzo, Padovo, Fiumo kaj Torino, pro gastemeco, afableco kaj helpemeco dum plezurvojaĝo tra tiuj landoj de Esperantujo, kie nia lingvo ne sole estas perfekta interkomprenigilo, sed talismano per kiu oni sentas sin kvazaŭ hejme apud veraj samidealanoj el kiu ajn raso ili estu.

# Esperantista vivo

*Naskiĝoj.* — Al Ge-sroj *Wittenberger*, M de UEA, en Sudrigiu, Rum., naskiĝis filoj, baptitaj *Ĝojo* kaj *Amo*, ambaŭ nomoj oficiale enregistritaj. — Niajn korajn gratulojn. Jen ekzemplo sekvinda por aliaj samideanoj baptantaj siajn infanojn per neesperantaj nomoj. T. M.

— Al Ges-roj *Rudolf Perthold*, vicdelegito de UEA, en St. Joachimstal, Ĉ.S.R., naskiĝis filino.

—Al Ge-sroj *Karlo* kaj *Zofio Kuba*, ano de UEA en Olomouc, Ĉ.S.R., filino *Nadeĝda*

*Fianĉiĝo.* — S-ro *Stefano Bartha*, eksdel. UEA, en Arad, Rum., kun f-ino *Irenjo Damjanov*.

*Edziĝoj.* — S-ro *Albert Jung*, ano de UEA, kun F-ino *Friderike Jung*, en Kaiserslautern, German.

— S-ro *H. M. Leighton*, ano de UEA, en Perth, Aŭstralio, kun F-ino *Alma Landauer*.

— S-ro *Vasile Cucu*, del. de UEA, en Tudor-Vladimirescu, Ruman., kun F-ino *Maria Vasiliu*.

— S-ro *Alexander Diamant*, del. de UEA, en Pezinok, Ĉehoslovakio, kun F-ino *Grete Jellinek*.

— F-ino *Berta Adler*, membro de UEA, en Pezinok, kun S-ro *David Reisner*.

— S-ro *Kazimierz Majorkiewicz*, del. de UEA, en Czersk, kun F-ino *Stefa de Pobóg-Duszynska*.

— F-ino *Anjo Fels*, esperantistino, en Lwów, Pollando, filino de Ge-sroj D-ro *Fels*, longjaraj anoj de UEA, meritplenaj membroj de Societo Esperanto, en Lwów, kaj S-ro D-ro *Dawid Heftl*, kuracisto, en Niemirów, geedziĝis.

— S-ro *Samuelo Samuel*, en Săpusul-Mare, Rumanio, kun F-ino *Jolanjo Zodik*, en Turda.

— S-ro *Panajot Kostov*, ano de UEA, en Gorna Orehovica, Bulgario, kun F-ino *Kina Todorava*.

— S-ro *Zdenek Rohla*, en Bratislava, kun F-ino *Anna Vraná*, el Revnice ap. Praha.

*Honorigo.* — S-ro *Herc Szwarc*, ano de UEA, el Lublin akiris la gradon de doktoro pri beletristiko ĉe Dijona Universitato, post nur dujara studado.

## INTERNACIA KATOLIKA UNUIĜO ESPERANTISTA
### DEKTRIA KONGRESO
en Tilburg (Nederlando) 12-15 Aŭgusto 1928.
DUA KOMUNIKO

*Loka Organiza Komitato.* — Ĉiujn leterojn, oni adresu al la sekretario de la Loka Organiza Komitato : S-ro P. Verspeek, Broekhovensche Weg, 100, Tilburg (Nederlando).

*Sub-Komitatoj.* — Jam stariĝis kelkaj sub-komitatoj por prizorgi diversspecajn kongres-aranĝojn :

a) Komitato por la gazetaro. Prezidanto : S-ro P. v. Beek ;

b) Komitato por la propagando. Prezidanto : S-ro J. v. d. Berg ;

c) Komitato por ornamado kaj amuzaĵoj. Prez. : S-ro H. Overbeek.

*Hotelprezoj.* — Ni povas komuniki la kutimajn prezojn de la ĉefaj hoteloj :

Loĝado, kun matenmanĝo, potage : 3,50 gld. (7 sv. fr.) ; Tagmanĝo, 2,00 gld. (4 sv. fr.) ; Luno, 1,75 gld. (3,50 sv. fr.).

*Ekskurso* al 's Hertogenbosch kaj Eindhoven.

Ekzistas la plano, okazigi tiun ekskurson aŭtomobile. Eble estas, ke tiu ekskurso estos senpaga (escepte la manĝado kaj trinkado) por tiuj kongresanoj, kiuj sufiĉatempe mendas *kompletan* kongreskarton, ĉar kompreneble la komitato sufiĉatempe devas scii, kiom da aŭtomobiloj devas esti destinataj por tiu ekskurso. Oni do laŭeble plej baldaŭ aĉetu kongreskarton kaj sendu monon. La prezo de kompleta kongreskarto estas 2,50 guldenoj (5 sv. fr.) aŭ egalvaloro.

Potaga kongreskarto kostas 1 guldenon (2 sv. fr.).

Helpkongreskarto kostas 1 guldenon (2 sv. fr.).

*Vizito al Eindhoven.* — Jam estas certe, ke la kongresanoj havos okazon viziti kelkajn fabrikejojn en Eindhoven. Ni daŭrigos niajn klopodojn por ankaŭ ricevi permeson viziti kelkajn instruajn institutojn. La prezo de la tagmanĝo en Eindhoven estos 2,50 gld. (5 sv. fr.).

Por la Loka Organiza Komitato,
La Secretario-Kasisto,
*P. Verspeek.*

# REKLAMO

*MALLONGIGOJ ; L = letero. PK = poŝtkarto. PI = poŝtkartoj ilustritaj. PM = poŝtmarkoj. blf = poŝtmarkoj sur bildflanko. kĉl. = kun ĉiuj landoj. Esp-aĵo = Esperantaĵo. fot-aĵo = fotografaĵo. gaz. = gazeto.*

**Atentigo!**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

## Korespondado

### Interŝanĝo de objektoj

**Amsterdam** (Nederlando). S-ro N. Zilver, Box H. S. P. 1055, Damrak, 95, PM kĉl. Malakceptas bagatelaĵojn.
**Antverpeno** (Belgujo). La lernantoj de oficiala Esperanta vesperkurso serĉas gekorespondantojn. Adr.: Het Onderwijsgesticht n. 1, Louisastraat.
**Balkany** (Hungar, Szabolcs m.). S-ro L. de Jháez, profesoro, L, PI.
**Bocsa-Montana** (Rumanio). F-ino Maria Kocsis. Neuwerk, Jud. Caras, Esp.-aĵojn, PI, kĉl.
**Bologna** (Italio). S-ro Jaime Tellini Milliari, studento, Casella Postale 127, L, PI blf, kun profesoroj kaj studentoj.
**Boras** (Sved.). S-ro Magnus Bengtsson, Eliusdalsgatan 16, L, PI, kĉl.
**Boras** (Sved.). S-ro Helge Hjörth, Skogstomku 4, PK, L (konkursremado), gaz.
**Bucuresti** (Rum.). S-ro Kiril Alexief, studento medicino Str. Popa-Nan 46, PI, PK, kĉl.
**Bucuresti** (Ruman.). S-ro S. Zalmanovici, Str. Nerva Traian 48, L, PK, PI, pri div. temoj kĉl.
**Bucuresti** (Ruman.). S-ro J. Schechter, Internacia Kontoro, Calea Victoriei 48, Interŝanĝas kaj vendas ĉiuspecajn poŝtmarkojn. Precipe rumanajn: malnovajn kaj novajn. Korespondas esperante, germane, ruse.
**Bzenec na Morave** (Ĉehoslovakio). S-ro Bedrich Kuhner, PM, kĉl. Respondo garantiita.
**Caltagirone** (Italio). D-ro Franco Fanales Beletro Corso Vitt. Emm. PI, L, 64, kĉl (precipe kun fraŭlinoj)
**Cuyk** (Nederlando). Fraŭlo Fr. van Heereveld, studento, 22-jara, Stationstraat, L, PK, PI; ĉiam respondos.
**Debreczen** (Hungar). S-ro Lajos Jámbor, Kinizzi-utca 24, kunredaktoro de la « Gazeto de Instruistoj », L, PI, bfl, pri faktemoj.
**Debreczen** (Hungar). S-ro Károly Kovács, Meszena-utca 10, kĉl PI, bfl.
**Enviken** (Sved.). S-ro Thure Lingvall, Marnäs, PI, L, volonte kun sam-anoj.
**Enviken** (Sved.). S-ro Herman Endblom, Marnäs, PI, L, ankaŭ kun sam-inoj.
**Enviken** (Sved.). S-ro John Björklund, Marnäs, PI, L, ankaŭ kun sam-inoj.
**Forssa** (Finlando). S-ro O. Vuorenjuuri Käsityöläiskatu 10, PM, kĉl.
**Goeteborg** (Sved.). S-ro Nils A. Johansson, Ankarsgatan 18, uppg. 4, PI, L, kĉl.
**Gyoer** (Hungar). S-ro Laszlo Feiffer, Szarvas ucca 22, PK, L, kun seriozaj korespondantoj ĉl.
**Haida** (Ĉehoslovakio). S-ro Franz Böhm, Talstr. 397, PI, L, PM, kĉl. prefere kun fraŭlinoj kaj eksteruropanoj. Nepre resp.
**Harkov** (Sovetunio). Grek-ortodoksa Episkopo Gabriel interesiĝas pri nuntempa stato de Rom-katolika Eklezio en ĉiuj landoj. Respondas pri religiaj demandoj per L. p. il. Adreso: U. S. S. R. (Ukranio) Harkov; Ĉafedralnij Sobor. Episkopo Gabriel.
**Hollsberg** (Sved.). S-ro Bertil Elander, Kullen 1-2, PI, PK, L, kĉl.
**Jneu** (Rumanio, jud. Arad.). S-ro Francisko Abel, L, PI, bfl, gaz ĉiajn nacilingvajn, kĉl.
**Kangasala** (Finlando). S-ro Joel Vilkki, instruisto, pri lernolibroj kaj instrumentoj matematikaj, fizikaj kaj hemiaj. Petas ankaŭ poŝtkartsalutojn kaj korespond-proponojn el ĉiuj landoj por de li gvidataj esperanto-kursanoj 11—15-jaraj knabinoj.
**Kauffung an der Katzbach** (Germanio). S-ro Richard Evler, PI, L,
**Krems a. d. Donau** (Aŭstrio). S-ro Josef Withalm, Ledereragasse, 11, PI, L.
**Krems a. d. Donau** (Aŭstrio). S-ro Hans Killian Lederergasse 11, PI, L.
**Lapinlahti** (Finlando). S-ro Olavi Puurunen, PM, PI, gaz. il. kĉl.
**Loimaa** (Finlando). S-ro Rafael Halm, PK, PI, ĉiam resp.
**Magdeburg** (Germanio). S-ro Erwin Köhler, Lützowstrasse, 2, PI, bfl, PM, kĉl.
**Mezoekoevesd** (Hungar.). S-ro Jozefo Tóth, II-ker. 62. sz. Juna Fraŭlo deziras korespondi kun morala fraŭlino sendiference je nacieco. Sendu proponon kun foto, kiun mi ne resendos.
**Nancy** (Francujo). S-ro Rafaelo Meteoroff, 21 jara, studento, 130, Mac Mahon, PI, L, pro amuzo kun fraŭlinoj 16-25 jaraj. — Foto nepre ŝanĝota.
**Neckargartach** (German., Wurtenb.). Esp. Grupo Progreso, Leinbachstrasse, 40, petas alsendon de PI, por propagandvespero. Promesas respondi al ĉiuj.
**Oviedo** (Hispanujo). S-ro Jovino Bertrand, advokato, Diputación Provincial, L, PI, PM, kĉl.
**Pisek** (Ĉehoslovakio). S-ro Ant. Franck, trida Svobody 166, PM, PI, bfl, kĉl, fotoj, Gaz. Ne sendas unue, sed certe respondas. PM malnova Aŭstrio, Bosnio-Hercegovino, Montenegro, Ĉehosl.
**Port-Saïd** (Egipto). S-ro Georges Haddad, Banque Ottomane, PK, PI, L,
**Praha XI** (Ĉehoslovakio). S-ro Jan E. Slávek, oficisto, Ĉhodská 14, PI, L, kĉl, precipe kun Oriento, Afriko kaj Ameriko. Certe respondos.
**Rostov-Don.** (Sovet-Unio). S-ro A. Sidorov, Poctovij jascik 347, L, pri movado de Internacia Ruĝa Helpo, disvastiĝo de Esperanto en Socia vivo. Sendas sovetiajn, PM.
**Sendai** (Japanujo). S-ro E. Tsuchii, 21, Moto Aramachi. PI, E-aĵo; L, pri E-a Movado; certe respondo.
**Sevilla** (Hispan.). S-ino Angeles Jimenez Oliver, strato Quevedo, 11, nur PM, kontraŭ sendo de PM, fotografaĵoj kaj PI, laŭvole; korespondas france, hispane kaj esperante.
**Sevilla** (Hispan.). F-ino Mary Auban, str. Sierpes 34, nur PM; korespondas france, angle, hispane kaj esperante.
**Sevilla** (Hispan.). F-ino Mercedes Perrin, str. Marquês de Paradas, 39, nur PM.; korespondas france, angle, hispane kaj esperante.
**Sevilla** (Hispan.) F-ino Rosa Martinez, str. San Fernando, 39, nur PM.
**Sevilla** (Hispan.). S-ro Pedro Gasquet, strato Sierpes; nur PM, korespondas france, angle, hispane kaj esperante.
**Sevilla** (Hispan.). S-ro Sanchez del Pando, fotografisto, strato Quevedo, nur PM kontraŭ sendo de PM kaj fotografaĵoj; korespondas france, hispane kaj esperante.
**Sevlievo** (Bulgario). S-ro Nikola Marinov, L, pri komercaj aferoj, kĉl.
**Speyer** (Germanio). S-ro Fried. Wetzig, Kreuztor 15, bei Ambös, L. PI, bfl, kĉl.
**Stockholm So.** (Svedlando). S-ro E. Wallenberg, Baugärdsgatan 12, L, PK, kĉl.
**Topkowitz a. Elbe** b. Bodenbach (Ĉehoslovakio). S-ro Frederiko Milano PI, kĉl.
**Toulouse** (FrancIando). S-ro Trajanov, rue du Puymarin. (Poŝtkarto sendita de S-ro Vlieghe, 92, rue de Courtrai, Lauwe, Belg. al vi, revenis kun indiko: Inconnu.)
**Varsovio** (Polujo). S-ro Adolf Oberrotman, str. Krak. Przedm. 10, estas ema interŝanĝi librojn esp. de famaj aŭtoroj, aparte PM gaz., monbiletojn k.t.p. Liveras ĉion el sia lando.
**Villaviciosa** (Hispan., Asturias). S-ro José Fernandez Alvares, profesoro, Colegio de San Francisco, L, PI, kél.
**Vingaker** (Sved.). S-ro Hararld Holmvist, Furnhom (Turnholm), L, PK por 4 svedaj laboristoj kun politikaj kaj idealaj interesoj.
**Voldi** (Estonio). S-ro A. A. Muska, Saadjarve körg. algkool PI, PM, kĉl. Nepre resp.
**Weidling bei Wien** (Aŭstrio). S-ro Robert Klausberg, Kirchenplatz, kaj S-ro F. Füssel, Lenaugasse 13, PI, kun gesinjoroj. Sendas nur vidaĵojn de bela Vieno, koresp ankaŭ angle kaj France.
**White Salmon** (USA, Washington). S-ro Lawrance A. Boggs, L, PK, kun gesinjoroj pri ĉiuj temoj, precipe lingvaj kaj sciencaj. Ankaŭ deziras interŝanĝi librojn kaj gazetojn. Mi konas la anglan, hispanan, francan, kaj germanan lingvojn; la unuajn sufiĉe bone, la lastajn ne tre bone. Mi deziras perfektigi miajn konojn de la suprecititaj lingvoj kaj lerni novajn. En scienco min interesas ĉiuj temoj: radio, eksperimentado, kc.

## Petoj kaj Proponoj

### Internacia Komerco

**Agrikulturo.** Por kompara laboro mi serĉas el ĉiuj landoj periodaĵojn, bildojn, fotojn, priskribojn, mallonge ĉiujn objektojn koncernante agrikulturn. Mi volonte korespondas. Ĉiam rekompencas. Holger Aersöe, Mordrupgaard pr. Lynge, Danlando.

**Antikvaĵoj.** Libroj de la unua epoko de Esperanto sub nomo de D-ro Esperanto 1887, « La Esperantisto », « Lingvo Internacia », k.t.p. estas akirebla ĉe Adolf Oberrotman, Ul. Krak. Przedm. 10, Warsawa, Polska.

**Artistoj.** Originale desegnitajn aŭ pentritajn poŝtkartojn deziras interŝanĝi kun samideanoj Jbonas Heiska, Jyväskylä, Finlando.

**Filatelistoj.** Mi vendas bulgarajn PM, je tre favoraj prezoj. Ili estas tre puraj kaj bone konservitaj. Mi respondas nur la seriozaj aĉetantoj. Skribu al: Sotin Borisov, str. Okr. Bulvard, 3, Ruse (Bulgario).

**Filatelistoj**, pro disvendado por nur UNU dolaro vi ricevos tre belan kolekton de PM. Vi certe estos kontenta. Ne prokrastu ! Adresu al: M. Jagoda, Skr. poczt. 3 (Woj. Bl.) Ostroleka, Polujo.

**Instruadon** de lingvo: Angla, Esperanto, Franca, Germana trovos 1-2 junaj ali landaninoj en la hejmo de du instruistinoj. Leterojn peras la Delegito de UEA en Koblenz a. Rh. Florinsmarkt 7a, Germanujo

**Instruistoj-inoj** francaj, skribu france, esper. aŭ ĉehe pri profesiaj interesoj al Reitmajer, uĉitel, Millenium, p. Balon, z. Brat. Ĉehoslovakio.

**Katolikaj misiistoj** ! Sendu al ni interesan informojn kaj PI, pri via misia laboro kaj ni represos ilin en ĉehoslovakaj gazetoj. Ĉehoslovaka Katolika Esperanto-Unuiĝo, Spálená 80, Praha II, Ĉexoslovakio.

**Korespondo speciala.** S-ro Karl Lamm, Friedenstrasse 17, Karlsruhe i. B., Germanio, dez. korespondi pri div. temoj ekz. pri mondmigrado kun sam-anoj en la mordaj, slavaj kaj sudaj landoj. PM, Mi vizitos dum 3 semajnoj de la venonta somero Jugoslavion (Ins. Arbe aŭ Rab en la Adria Maro). Respondas certe.

**Papilioj.** Mi akceptas ankoraŭ ĉiam: papilojn, skarabojn (pupojn ankaŭ) de tutmondaj landoj
Mi resendos (certe) laŭ deziro: insektojn, PM (40.000 pec. Polio, Danzig, Hungario Latvio), monbiletojn (1-100 pecoj). PI, gazetojn. L. R. Brzezinszki, instruisto, **Chojnice**, Szkola powszechna. Pollando.

**Poŝtkart-vespero en la Zamenhofa Naskiĝ-urbo** okazas ĉiun duan monaton. Poŝtkartoj ilustritaj (PM, bfl.) estas atendataj el ĉiuj landoj. Ĉiu send into nepre ricevas respondon-ilustritan urban vidaĵ-karton Zamenhof-strato kaj domo.). Korespondemuloj uzu la okazon por gajni korespondant (in) on en Zamenhofa naskiĝurbo! Adreso: Zamenhofa Esperanta Societo en Bialystok (Polujo).

**Stenografio.** Ernesto Polivka, minejoficisto, St-Joachimstal N-ro 42, Ĉehoslov., interŝanĝas ĉiujn ajn stenografajn gazetojn kĉl. kaj L pri reciproka helpado ĉe studo de fremdlingvoj, precipe kun angloj kaj italoj.

**Vendotaj**-uzitaj kaj neuzitaj poŝtaj kaj fiskaj markoj de Brita Afriko Orienta, Ugando, Zanzibaro kaj German. Orient-Afrikaj surpresitaj sur Britorientafrikaj poŝtmarkoj. Skribu al S-ro A. S. Kapadia, Hakimia Mansion, Tardeo Bombay, N-ro 7.

# Korespondado

## Interŝanĝo de objektoj

**Aalst** (Belg.), S-ro Robert de Kegel, Denderstraat 58, Fotojn kĉl.
**Aidin** (Turkujo). S-ro Ismail Haki, horloĝisto, boulevard Huhumet 17, PI kun Japanaj, Aziaj kaj eŭropaj sam-anoj.
**Ankarsrum** (Svedio). S-ro Sten Stenholm, pastro, Prästgärden, PI kun pastroj de ĉiuj konfesioj kaj religioj. Certe respondos.
**Antwerpen** (Belgujo). S-ino Lucette Faes, Longue rue d'Herenthals 100, deziras korespondi letere kaj per PI bdfl. kun la tota mondo.
**Antwerpen** (Belgujo). F-ino J. De Buyser, Krijtstraat 37, Berchem, 23 jaroj, deziras korespondi kun eksterlandanoj.
**Baĉka Topola** (Sudslavio). Oskar Sohr, VDel. de UEA, serĉas fraŭlinojn por korespondado pri spiritistaj tempj-el Japanlando, Ĉinlando, sed pleje el Hindio.
**Boulogne-sur-Mer** (France). S-ro E. Barthélémy, 144, rue de Calais, PM purajn bonstatajn.
**Breclav** (Ĉehoslovakio). S-ro František Ferst, Dublič 1264, PI kĉl.
**Breclav** (Ĉehoslovakio). S-ro Rudolf Trojna, Nerudová 5, PI bfl.
**Breclav** (Ĉehoslovakio). S-ino Anĉi Stratilová, Nadrazni 19 PI L PM, ekslibris moneroj, kĉl. Nepre respondos.
**Broendersiev** (Danlando). S-ro Henry Christensen, Bredgade 12, PI L, esp-ajo, kĉl.
**Bruges** (Belgujo). F-ino Albertine, rue du Persil 162, L PI bfl., PM kĉl. Nepre respondos.
**Bruges** (Belgujo). F-ino Lescrauwaet, rue Flamande 25, PI L, kĉl. ne PM. Ĉiam respondos.
**Chinkiang** (Kiangsu, Ĉinio). S-ro Naŭu Canĝia Fu, Yawyiwan, 69, nur PM (valorajn) kaj fotojn (artplenajn) kĉl. precipe kun Ruslando, Grekujo, Japanujo, Skandinavio kaj diversaj landoj de Afriko, Centra- kaj Sud-Ameriko, Okcident- kaj Sud-Azio. Ne sendas unue. Bagatelojn ne akceptas.
**Cluj** (Rumanio). S-ro Nandra Pocanschi, univ. stud., Curtea de Apel, PM pogrande kĉl. Donas belajn PM por belaj ilustrita PK.
**Cluj** (Rumanio). S-ro Nikolao Cristorian, Universitatea, PI L, kĉl.
**Ĉsov 63 p. Vysoké Veseli** (Ĉehoslovakio). S-ro Josef Ĉmugr, L pri geografio, literaturo, abstinenco, vegetarismo, paco, okultismo, altruismo, Bahaa movado. Respondo certa.
**Debreczen** (Hungario). S-ro Lajos Weisz, Teleki u. 10-12, PI bfl.
**Debreczen** (Hungarujo). S-ro Jenö Roncsik, fajrobrigadestro, Csapo u. 43 pri fakaferoj, kĉl.
**Debreczen** (Hungarlando). S-ro Ernö Vamosi, Ajto u. 24, PI bfl PM kun seriozaj kolektantoj, kĉl.
**Jänisjärvi as Suojarven rata**. S-ro Aarne Aalto, mastro en suko- kaj mineralakva fabrikejo, PI L, kĉl.
**Jiĉin** (Ĉehoslovakio). S-ro Frant Ŝadek, Del. de UEA, N.M. 52, PI bfl, kĉl.
**Jiĉin** (Ĉehoslovakio). F-ino Anĉi Votoĉkova, oficistino ĉe D-ro Peŝula. Husova 101, PI bfl. nur kun japanoj.
**Jiĉin** (Ĉehoslovakio). F-ino E. Bednárová, urba oficistino, Masarykova 84, PI bfl., kĉl.
**Itzehoe** (German., Holstein). S-ro Hermann Nissen, Sandberg 70, L kun komercistoj de ĉ. l.
**Klobouky u Brna** (Ĉehoslovakio). S-ro Karel Metelka, oficisto PI kun priskribo, kĉl.
**Korneuburg bei Wien** (Aŭstrio). S-ro Hans Wiedermann, Stockauerstr. 60, PM nur bonegajn kun eksterlando, escepte Ĉehoslovakio, Germanio, Hungario, sed Danzig kaj Saar. Nur seriozaj kolektantoj sendu. PI PK. Ne sendas unue sed certe respondos.
**Kralupy nad Vltavou** (Ĉehoslovakio). S-ro O. Sreiter, Delegito de UEA, L PI bfl, PK PM fotoj, esp. gaze., Ĉiam respondas.
**Loimaa** (Finlando). S-ro Rafael Holm, L PI nur kun ekstereuropanoj.
**Mainz am Rhein** (Germanujo). S-ro Oberpostinspektor Lisberg, Kaiserstrasse 90, PI PM, kĉl.
**Malmoe** (Svedujo). S-ro Gösta Henriksson, Dahl 9, L PI, fotoj, Speciale interesata je sporto kaj pri ĉio ajn. Certe respondos.
**Mortsel** (Belgujo). S-ro M. Pairon, Langeweg 19, Del. UEA, vendas aŭ interŝanĝas bonfarpm. memorpm. ktp kun kompetentaj filatelistoj ne akceptataj.
(minimuma sendajo francaj frankoj 75. — laŭ Yvert 1928) bagateloj
**Nagykörös** (Hungar.). S-ro A. Hoffer, Kossuthstr. 36, PI, kĉl.
**New York** (USA). S-ro Luigi Soleri, Douglaston Manor, Pulaski, PM.
**Novi Sad** (Sudslavio). S-ro Nikolao Stefanovic, Zeljeznićka restoracija PM PJ bfl, kĉl. Certe respondas.
**Novi Sad** (Sudslavio). S-ro Stefano Tojt, Njegoŝeva ul. 9, PM, kĉl. laŭ Michel. 1928. Respondo garantiata
**Oradeamare** (Rumanio). S-ro Andreo Weisz, Str. Nicu Filipescu 7, L PI kun fraŭlinoj inteligentaj pri temoj interesantaj gejunulojn.
**Osijek** (Sudslavio). S-ro Dragutin Lederer, Ruzina 113, 22 jara, PI bfl., kun gejunuloj ĉiulandaj. Certe respondos.
**Osijek** (Sudslavio). S-ro Martin Sekulić (F. R. Rotter), Pejaĉeviĉeva 7, PI bfl., kĉl. Certe respondos.
**Osijek** (Sudslavio). S-ro Mirko Lukić, Anina 49, PI bfl. kĉl. Certe respondos.
**Pelplin** (Polujo). S-ro A. Troszynski, Seminarjum Duchowne, PI, kĉl.
**Praha X** (Ĉehoslovakio). S-ro Jan Huttar, studento, u. p. Inĝ. Fessla, Zahradni 8, PI PK, monerojn, gaz. esp. kaj naciilingvajn, kĉl.
**Praha XI** (Ĉehoslovakio). S-ro Jan Ev. Slavek, Chodska 14, PI (deziras veturi maro).
**Puistola** (Finlando). S-ro Hannes Vilkki, PM kĉl. nur kun seriozuloj.
**Pleven** (Bulgario). S-ro Dimitro Todoroff, str. 179, nr. 62, PI bfl., kĉl.
**Radom** (Polujo). S-ro Witold Kubissa, Poŝtoficejo, PM kĉl. Ne sendas unue.
**Scheveningen** (Nederlando). S-ino J. G. Bramkamp-Weber, Pansierstraat 22, petas korespondantinojn por klaso de 16 jaraj knabinoj. PI.
**Sheffield** (Britujo). S-ro F. H. Undrell, First Avenue 24, Meadow Head Allotments, Woodseats, PI L, kĉl.
**Tornal'a** (Ĉehoslovakio). S-ro Josef Suk, PI, PM, aerleteroj kaj nacilingvaj IG S-no M. Gevdeb, Smyrna sciigu precizan adreson, ĉar mia letero revenis.
**Udine** (Italio). F-ino Sabina Giordani, Viale Friuli 13, PI kĉl, escepte Germanujo, Aŭstrio, Ĉehoslovakio, Jugoslavio, Ruslando, Francujo, Anglujo. Nepre respondos al ĉiuj.
**Vöslau apud Wien** (Aŭstrio). S-ro Johano Jüptner, Del. de UEA, Friesstrasse 4, PI, PM (kvanto kontraŭ kvanto) kĉl. Nepre respondas.
**Viskafors** (Svedujo). S-ro Torsten Rydberg, esp. studrondo, L PI, kĉl.
**Wels** (Aŭstrio). S-ro Karlo Mayr, Hochpoint 19, PM PI bfl, kĉl. Ne sendas unue sed certe respondos.
**Wilno** (Polujo). S-ro Aleksander Juchniewicz, ulica Krzywa 25, L PI kun anglinoj pri fotografado radio kaj angla lingvo.
**Zagreb** (SHS.). S-ro Djuro Mraz, bankoficisto, Maksimirska 14, PM kun Norvegujo, Anglujo, Belgujo, Portugalo, Hispanujo, Italio, Greklando, Rumanujo, Svislando, Turkujo kaj Ekster-Eŭropo.
**Zatek** (Ĉehoslovakio). S-ro Pavel Caĥak, instruisto 574, interŝanĝas lernolibrojn, alfabetlibrojn k. aliajn objektojn por pedagogia muzeo kontraŭ lego- lern- k. alfabet-libroj bohemaj kaj germanaj.

---

# Petoj kaj Proponoj

## Internacia Komerco

**Adresŝanĝo.** S-ro Atanas D. Atanasov, Ĉefdelegito de UEA en Bulgario informas pri adresŝanĝo : Alabinska-Lavele (Globus), Sofia.

---

**Anglujo.** Pagantaj gastoj akceptataj. Prezo modera. Anglaj lecionoj. Plej bonaj referencoj. J. K. Oakhurst, Shakespeare Road, Hanwell, London W. 7.

---

**Esperanto.** N-rojn 239, 292, 303-304 sendos, Jan Huttar, Pisek (Ĉehoslovakio).

---

**Filatelista** sekcio de esp. societo ŝanĝas pm. laŭ mankolisto. Bazoj Yvert, Michel 1928. Sendu ne bagatelojn al : Josefo Vècsey. V. Del. de UEA (por sekcio). Novi Sad, Nemaĉka ul. 37, S.H.S.

---

**Filatelistoj atentu !** Mi interŝanĝas 200-1.000 PM. Respondo garantiata je sama valoro, Fiume, San Marino, Italio kaj kolonioj Francesco Argiolas, San Lucifero 42, Cagliari (Italio).

---

**Filatelistoj atentu !** Sendu vialandajn PM en sama valoro de 100 Frankoj Fr. aŭ 20 Frankoj oraj kaj ni resendos laŭ mankolisto. Interŝanĝo laŭ Yvert aŭ Michel. Respondon certigas la loka esp. grupo. Sendu registrite al : Jozefo Vécsey, VDel. de UEA, Nemaĉka ul. 37, Novisad (Jugoslavio).

---

**Grafologio.** Priskribo de karaktero kaj karakterizoj de infanaj kapablecoj same konsiloj por elektado de kariero laŭ la manskribo. Kosto uno dolaro aŭ sama valoro. Alsendu : Prof. R. Garay, Jneu (Rumanio, Jud. Arad).

---

**Helpmono.** — Mi vendas kolekton de paparmono je malgranda valoro el postmilita tempo. 290 serioj po tri pecoj de plej multaj aŭstriaj komunumoj. Proponon oni sendu al Adele Heidinger, Wienerstr. 21, Krems a. d. Donaŭ, Aŭstrio.

---

**Karakterpriskribado,** karakterizoj de infanaj kapablecoj ; same konsiloj por elektado de kariero el manskribo. Prezo : 1 dolaro aŭ egalvaloro ; Adr. Prf. R. Garay, Ineu, Jud. Arad, Rumanio.

---

**Konfidencajn,** esoterajn (malpublikajn) mandatojn de ĉiuj landoj kaj specoj akceptas kontraŭ adekvataj rekompencoj klera juna viro al kiu, malgraŭ frenezega kontraŭforto, volas rabi plu radikale propro kaj rajto lia « danka patrujo ». Urĝ.-proponoj kaj peradoj (angla, franca, germana, esperanta) estas elpetataj sub 28255 al la Redakcio.

---

**Kuracistoj !** Kiu povus doni al mi plej precizan metodon pri pulmo malsano kaj ĝia kuracado, ĉu per specialaj kuraciloj ĉu per domkuraciloj. Dankeme akceptas ĉiun informon. Samtempe korespondas pri tio kaj pri ĉiatemo PI. L Adreso : Stefano Csendes, univers. studento, V. Ker. 5sz., Nagykörös (Hungarlando).

---

**Objektoj por instruado.** Objektojn por instruado interŝanĝas. Oni povas sendi kreskajojn, desegnajojn k.a. A. Rikström, Ojajärvi (Finlando).

---

**Ofico serĉata.** Fraŭlino Mara Pelzl, en Landskron (Ĉehoslovakio), instruistino, serĉas postenon dum julio kaj aŭgusto se eble en Francujo aŭ Svislando ĉe pli aĝaj infanoj aŭ ĉe sinjorino kiel akompanantino. Nacieco germana, parolas Esperanton, ĉehan francan kaj germanan lingvojn.

---

**Poŝtmark-interŝanĝo,** kun la tuta mondo laŭ Michel aŭ Yvert 1928. Ne sendas unue. J. Limbeck, Hernad u. 14. III., Budapest VIII (Hungario).